


# Pordego al Kongreso

N-ro 1 sabate, la 31-an de julio 1999

unu ekzemplero senpaga, ceteraj pagendaj per 0,20 GM

## Bonvenon en Berlino!

Berlino dum multaj jaroj estis simbolo por la dispartigita mondo. En Berlino plej draste renkontiĝis la du politikaj blokoj. Antaŭ dek jaroj la Berlina muro falis, antaŭ naŭ jaroj la du germanaj ŝtatoj unuiĝis. Kaj ĝuste en tiu tempo, kiam ni kongresas, Berlino ekfunkcias kiel nova-malnova ĉefurbo de Germanio. Eble survoje vi jam renkontiĝis kelkajn germanajn politikistojn aŭ oficistojn jus translokiĝantajn de Bonn al Berlino...

Berlino do estas plena de historio. Kaj nun ĝi aldone estas plena de Esperantistoj. La unuan fojon okazas Universala Kongreso de Esperanto en Berlino, la okan fojon jam en Germanio. Ni, Berlinaj kaj Germanaj Esperantistoj, tre ĝojas, ke ni denove povas gastigi vin, niajn amikojn el la tuta mondo.

Se vi konas Berlinon jam el antaŭaj tempoj, certe vi ne rekonos ĝin. La urbo multege ŝanĝiĝis dum la lastaj dek jaroj kaj do estas multege por vi por esplori. Same estas pri la kongreso: ĝi donas al vi vastan gamon da eblecoj por esplori Esperantujon.

Ni deziras al vi ĝojplenan kongreson kaj deziras, ke vi ĝuas la etoson de la UK kaj de la urbo.

## Kunlaboru!

Jen vi tenas enmane la unuan numeron de la Kongresa Kuriero, la Pordego, kiu vin gvidas al kaj tra la Kongreso. Ĝi aperos (laŭeble) ĉiumatene kaj informos vin pri gravaj eventoj, program- aŭ salonŝanĝoj kaj okazintaĵoj.

La Kuriero ne nur estas gazeto POR vi, ĝi ankaŭ estas gazeto DE vi. Do, kunlaboru, verku mallongajn kontribuojn pri kunvenoj, kiujn vi gvidis aŭ ĉeestis, indiku gravajn okazontaĵojn, kiuj ne aperis en la kongreslibro aŭ kiuj estas gravaj por la aliaj kongresanoj. Metu viajn kontribuojn en la keston ĉe la informejo.

### Foto-Servo

Ekde lundo funkcios fotoservo, kie vi povos mendi fotojn. La fotisto Rainer Knapp ofertos al vi pligrandiĝantan elekton, el kiu vi povos mendi favorprezajn fotojn.

## Publika afiŝado

**Bonvolu noti, ke surgluado de diversaj afiŝoj sur la murojn de la kongresejo estas strikte malpermesita, minace de alta monpuno!!! Eblas afiŝi sur la por tio speciale preparitaj paneloj en la enirhalo ĉe la lasta linio de giĉetoj (blua flanko, dekstre de la enirejo). Por ĉiu afiŝo necesas aprobo de LKK!**

**Urbomapo en Esperanto kun multaj koloraj bildoj estas havebla ĉe la informejo kontraŭ 2 GM.**

## PROGRAM-ŜANĜOJ

### KONGRESA TEMO 2

La kunsido pri la kongresa temo okazos jaŭde 16.30 ĝis la 18.30 en salono Wüster (Dachgartenfoyer). Tiu ĉi kunsido pro teknikaj kaŭzoj ne aperis en-la programo en la kongresa libro.

### POSTKONGRESO BUDAPEŜTO-BUKAREŜTO (P2)

Kunveno de partoprenantoj okazos jaŭde je la 16.30 en salono Kühlmann (ĉambro 15).

### AKCEPTO POR SOCIETO ZAMENHOF

okazos en la tegmenta restoracio (Dachgarten), mardon de la 18.30 ĝis la 19.30 (ne en restoracio Pullmann, kiel anoncite en la kongresa libro).

# Hej, ĉu vi parolas Esperanton en via familio?

Tiel estis demando de jurnalisto dum la gazetara konferenco, okazinta la 29an de julio en la urbodomo de Berlino, organizita de Germana Esperanto-Asocio.

Frank Stocker, prezidanto de Germana Esperanto-Asocio, Marko Naoki Lins, prezidanto de Germana Esperanto-Junularo, Fritz Wollenberg, LKK-ano kaj prezidanto de Esperanto-Ligo Berlino, kaj Kokou Sagbadjelou, prezidanto de Unuiĝo Togolanda por Esperanto, prezentis al 25 jurnalistoj, venintaj de radio-, televid- kaj preskomunikiloj, Esperanton ĝenerale, la kongreson kaj ĝian programon, la praktikajn uzeblecojn, la aktivaĵojn en Berlino kaj en Togolando. Al la supre menciita demando s-ro Sagbadjelou povis verve respondi jese. Alia ofte starigita demando kompreneble estis la "konkurenca" rolo de la angla kiel universala lingvo.

Post la konferenco en tre agrabla etoso eblis - enmane sandviĉoj, kafo kaj mikrofono - respondi dum interpersonaj intervjuetoj pli profunde al gazetaraj demandoj.

La gazetara konferenco estis tamen nur kulmina okazaĵo de plurmonata publikrilata laboro flanke de GEA kaj de berlinaj esperantistoj. Jam ekde aprilo GEA informis la gazetaron per diversaj novaĵoj. Sekve en kvazaŭ ĉiuj berlinaj gazetoj aperis jam tre pozitivaj artikoloj kaj ankaŭ en multaj tutgermanaj jurnaloj aperis jam artikoloj, kiel ekzemple en la tre renoma germana politikrevuo DER SPIEGEL. Plie GEA centre organizis specialan gazetaran servon: ĝi dissendis individuan informon al ĉiuj gazetoj en Germanio, el kies regiono venos Esperantistoj al Berlino. Estis entute ĉirkaŭ 200 diversaj informoj kaj la reeĥo estis bonega. Dum la kongreso aperos certe ankoraŭ pluraj radio- kaj gazetokontribuoj. Anonciĝis al la solena inaŭguro ankaŭ la unua germana televidkanalo ARD.

## Enketo pri la kialoj de Esperantistiĝo

UEA kaj Germana Esperanto Asocio volas plibonigi sian publikan agadon por veki la intereson de aliaj personoj por Esperanto. Bona helpilo estas scii la motivojn de homoj, kiuj lernas Esperanton. Vi lernis Esperanton ĉar ekzistis motivo por vi. Aliaj personoj certe havus similajn celojn kiel vi! Pro tio dum tiu ĉi UK ni faras enketon. Ni strebas eltrovi, kial vi eklernis Esperanton.

Kune kun viaj dokumentoj vi ricevis enketilon. Ni petas vin plenigi ĝin kaj meti ĝin en la "enketilujon" starigitan ĉe la informejo. Pri la rezultoj de tiu enketo vi ekscios en la venonta numero de la revuo "esperanto".

## Porokaza poŝtstampo

La Germana Poŝto eldonis porokazan poŝtstampon. Vi trovos la flavan poŝtkeston apud la Rendevua Tabulo.

Bv. atenti, ke nur la 9-an de aŭgusto eblas porti viajn poŝtaĵojn al la poŝtoficejo, kie ili estos stampitaj per la dato 7.8.1999.

## Ekspozicio: Modelo por la Homara Unuiĝo

Solena inaŭguro de tutsemajna ekspozicio okazos dimanĉon je la 16.30h en la enirhalo, teretaĝo. La ampleksa ekspozicio sub la titolo "Modelo por la homara unuiĝo" prezentas la internacian bahaan komunumon kiel unikan modelon de vere tutmonda kaj ege diverseca komunumo.

Videblos ampleksa serio da fotoj pri bahaanoj kaj iliaj aktivecoj ĉirkaŭ la mondo. La bildojn kompletigos multnombraj informoj kaj diversaj dokumentoj kaj materialoj.

La ekspozicio funkcios dum la tuta kongresa semajno.

KN 1221

## Giĉeto de Deutsche Bahn

La Germana Fervojo (Deutsche Bahn, DB) havas profesian giĉeton, kie servas fervojaj oficistoj kaj esperantistoj.

Tie vi povos aĉeti i.a.:

- urbo-trafikajn biletojn (ankaŭ favorprezajn tuttagajn kaj semajnajn biletojn), kiuj validas same por S-Bahn, U-Bahn, busoj kaj tramoj;
- biletojn por veturoj en Germanio kaj eksterlande(n).

Vi ankaŭ povos rezervigi:

- sidlokbiletojn
- biletojn por litvagonoj

Krome oni donos al vi informojn pri horaraj aferoj ktp.

# Alvenis salutoj

... de eksa Germana Federacia Prezidento Prof-ro D-ro Roman Herzog. Li "deziras al la 84a Universala Kongreso de Esperanto bonan kaj sukcesan iradon kaj transsendas la plej bonajn salutojn".

... de Zimbabŭa Esperanto-Instituto, Oliver Mazodze. Li "sendas elkorajn salutojn al nia 84-a UK, kun profunda bedaŭro pri nepartopreno, kaj sinceregaj bondeziroj pri sukcesplena kaj feliĉega kongreso."

... de Saimir Beqiraj el Albanio. Li "deziras sukceson kaj bonan laboron dum la UK en Berlino! Bedaŭrinde mi ne havas la eblecon por partopreni ĝin."

## Junuloj en la kongreso

Junuloj estas esenca parto de la movado kaj ankaŭ de Universalaj Kongresoj, sekve oni alstrebas laŭeble ankaŭ oferti al la pli junaj partoprenantoj adekvatan junularan programon.

En Schiller-Oberschule (Schillerstr. 125-127, en la malantaŭa korto, ĉe la metrohaltejo Ernst-Reuter-Platz, linio U2) okazos pluraj junularcelitaj programeroj. El la programo aparte menciindas koncertoj de la sveda rokgrupo PERSONE aŭ de la rusa kantduopo Ĵomart & Nataŝa. En la junulara renkontiĝejo funkcios ankaŭ muziktrinkejo kaj teejo, nokte agrabla umado kaj literaturaj prelegadoj.

Por ĉiam esti aktuale informita pri la junulara programo, preterpasu ĉe la junulara giĉeto en la UK-ejo, kie ankaŭ riceveblas informoj pri la aktivajoj de TEJO.

ATENTU!!! Tiuj, kiuj intencas vojaĝi per la oficiala buso de Berlino al la IJK en Hungario, informiĝu ĉe la junulara giĉeto.

## Diverseco-dancgrupo

Junula dancgrupo, ero el vere tutmonda reto de tiaj grupoj, prezentos sian programon dimanĉon posttagmeze ekde la 14.30 h en Kulturetaĝo Forge (Mittelfoyer).

La celo de tiuj grupoj estas kontribui al paco en la socio per prezento de pozitivaj reagoj al diversaj sociaj problemoj. La centra temo kiun tiuj grupoj promocias estas: Unueco en Diverseco. La grupo kiu sin prezentos estas unu el manpleno da tiaj grupoj en Germanio. El la ampleksa programo de la grupo eblos spekti dancojn pri la temoj povreco, mistraktado de inoj, interseksa egaleco, drogomisuzado kaj multkultureco.

KN 1221



*La dancgrupo prezentos diversajn dancojn dum la kongreso.*

## Novaj aliĝoj

| | | |
|---|---|---|
| 2421 | akdr-o | S-ro Alexandre Kadar, 43, rue Fessart, FR-92100 Boulogne, Francio |
| 2422 | kipt-t | S-ro Michael Karpati, 36 Claskin-str., IL-75261 Rišon-Lecijon, Israelo |
| 2423 | slcz-j | S-ino Silvia Liliana Reliz, Mariano Acosta 1965, AR-7600 Mar del Plata, Argentino |
| 2424 | fete-x | Prof. Katinjo Fetes-Tosegi, Sobieskig. 42/14, AT-1090 Wien, Aŭstrio |
| 2425 | jsft-g | S-ro Josef Tosegi, Sobieskig. 42/14, AT-1090 Wien, Aŭstrio |
| 2426 | mbyr-l | S-ro Michael Bayer, Anton Störckg. 56/3/9, AT-1210 Wien, Aŭstrio |
| 2427 | brlr-l | S-ro Bernard-Régis Larue, Rue Devillers 45, BE-1150 Bruxelles, Belgio |
| 2428 | hlvt-t | S-ro Georges Holvoet, Zeedijk 93A/710, BE-8400 Oostende, Belgio |
| 2429 | laau-t | Aurore Larue, Rue Devillers, 45, BE-1150 Bruselo, Belgio |
| 2430 | lafl-s | Florian Larue, Rue Devillers, 45, BE-1150 Bruselo, Belgio |
| 2431 | lacl-w | Alice Larue, Rue Devillers, 45, BE-1150 Bruselo, Belgio |
| 2432 | lanu-d | Killian Larue, Rue Deviers, 45, BE-1150 Bruselo, Belgio |
| 2433 | kocj-a | S-ino Mira Kocjančić, Stjepana Gunjače 14, HR-21230 Sinj, Kroatio |
| 2434 | chtc-e | S-ino Tatiana Chtchoukina, Orehovij bul., 38/1-68, RU-115573 Moskva, Rusio |
| 2435 | jalu-l | S-ro Janko Luin, Mygglabsvägen 123, SE-135 42 Tyresö, Svedio |
| 2436 | ktrz-b | S-ino Beata Kostrzewska, Przy Kaszowniku 37/18, PL-87-100 Torun, Pollando |
| 2437 | pwsk-b | Pawel Sikorski, Mlodziezowa 21, PL-62-500 Konin, Pollando |
| 2438 | abpi-m | S-ino A. Barbara Pietrzak, ul.Międzynarodowa38/40 A m 217, PL-03-922 Warszawa, Pollando |
| 2439 | mwlf-i | S-ro Michael Wolf, Heinrich-Heine-Str. 62, DE-01844 Neustadt, Germanio |
| 2440 | ivic-u | S-ro Ivan Špoljarec, Vočarska 28 C, HR-10000 Zagreb, Kroatio |
| 2441 | likr-w | S-ino Livija Kroflin, Radnički dol 50, HR-10000 Zagreb, Kroatio |
| 2442 | dnjk-k | Aleksandr C. Danko, Novatorov 10-30, RU-344038Rostov-na-Donu, Rusio |
| 2443 | btlo-k | S-ro Bruno Flochon, 6C av. de l'Hippodrome, FR-69890 La Tour de Salvagny, Francio |
| 2444 | rako-t | D-ro Rainer Kurz, Plettenbergstr. 19, DE-70186 Stuttgart, Germanio |
| 2445 | nabl-e | S-ro Nahum Blonstein, 156-10 78th Street Howard Beach, Queens, New York NY 11414, Usono |
| 2446 | koju-v | S-ro Juri Korsun, Ul. Marata 25-173, UA-245110 Shostka, Sumy obl., Ukrainio |
| 2447 | btrd-r | F-ino Teodora Butan, Aleea Sportivilor 34 ap3,RO-1900 Timişoara, Rumanio |
| 2448 | hgu-c | S-ro Hans-Joachim Gunkel, Querfurterstr. 20, DE-06132 Halle/Saale, Germanio |
| 2449 | isas-h | Lisa Schielicke, Koepenicker Strasse 45, DE-10179 Berlin, Germanio |
| 2450 | kuhh-y | S-ino Helga Kuhlmey, Koenigsmarde Str. 11, DE-14770 Brandenburg, Germanio |

2451 scfe-h S-ro Ferejdun Schirvani, Brodbeckstr. 2, DE-79199 Kirchzarten, Germanio
2452 tusa-x S-ino Turan Sagafi, c/o F Schirvani Brodbeck Str. 2, DE-79199 Kirchzarten, Germanio
2453 wntr-b S-ro Eckhard Winter, Zimmerstr. 22, DE-03044 Cottbus, Germanio
2454 xjos-a S-ro Joxemari Sarasua Fernández, Zorrotza-Kastrexana errep. 37-4 D, ES-48013 Bilbao, Hispanio
2455 trmr-x F-ino Takako Matuura, Nisisinzyuku 3-6-5-1306 Sinzyuku-ku, Tokyô, 160-0023, Japanio
2456 kagr-m S-ro Karl Johan Grønning, Baksteplassen 7, NO-1349 Rykkinn, Norvegio
2457 aawe-h Anna Warnke, Bruska 3/4, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2458 acza-j Anna Czapiewska, Bankowa 4/1, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2459 agas-h Anna Gąsiorowska, Broniewskiego 12, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2460 agnw-n Agnieszka Walter, Toruńska 3, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2461 akob-y Anna Kobus, Mickiewicza 9/11, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2462 akub-a Artur Kubasik, Prusa 8, PL-88-340 Trzemeszno,Pollando
2463 ancz-v Andrzej Czapiewski, Bankowa 4/1, PL-Chojnice 89-600, Pollando
2464 angb-v Angelika Balach, Piotrowska 3/21, PL-88-340Trzemeszno, Pollando
2465 annp-b Anna Polachowska, Wiklińskiego 11, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2466 awar-q Agnieszka Warnke, Bruska 3/4, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2467 bauz-m Ewa Bauza, Kilińskiego 18/1, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2468 behr-o Nikoleta Behrendt, Chojnicka 7/5, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2469 bkie-f Błazej Kierczyński, Chrobrego 1/11, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2470 buza-f Honorata Buzała, Kosmowskiego 4, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2471 cibz-k Bartosz Chełmiński, Chrobrego 1/38, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2472 czar-d Agnieszka Czarnowska, Malinowa 52, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2473 dkie-b Dorota Kierszk, Brzoskwiniowa 64, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2474 dmsz-g Mariusz Domaszek, Sienkiewicza 9/3, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2475 dnls-o Anna Danielska, Mickiewicza 22/6, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2476 dnow-i Donata Nowak, Dworcowa 10/2, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2477 drop-f Katarzyna Dropiewska, Szkolna 19, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2478 drsz-r Renata Dorosz, Mickiewicza 3/5, PL-26-600 Radom, Pollando
2479 drwk-y Dawid Drewek, Staroszkolna 8/1, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2480 dszy-r Dorota Szymanska, 22-Stycznia 3/9, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2481 dtou-a Dagna Touściuk, Wolności 1, PL-86-050 Solec Kuj., Pollando
2482 dwdj-m Dawid Jeliński, Sienkiewicza 9/15, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2483 ecis-f Elżbieta Ciskowska, Lichnowy 86, PL-89-621 Lichnowy, Pollando
2484 fera-f Emilia Ferenc, Główna 1/3, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2485 frel-j Dariusz Frelke, Długa 15, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2486 gier-e Anna Gierszewka, Sienkiewicza 5/3, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2487 glom-g Hanna Głomska, Ratuszowa 1/2, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2488 grlk-k Olga Gralak, Polna 92, PL-88-190 Barcin, Pollando
2489 gwia-f Monika Gwiazda, Poznańska 15, PL-88-300 Mogilno, Pollando
2490 hkob-k Hanna Kobus, Mickiewicza 9/1, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2491 hska-h Kinga Has, Sienkiewicza 5/5, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2492 isaw-n Ilona Sawicka, Człuchowska 43a/2, PL-89-600Chojnice, Pollando
2493 itrz-f Ilona Trzyńska, Czynu Zbrojnego Kolejarzy 8,PL-89-600 Chojnice, Pollando
2494 jdre-a Jarosław Drewek, Staroszkolna 8/1, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2495 jdzi-a Justyna Dzienkowska, Skłodowskiej-Curie 84/54, PL-85-733 Bydgoszcz, Pollando
2496 jgas-p Jadwiga Gąsiorowska, Broniewskiego 12, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2497 joaw-x Joanna Walter, Toruńska 3, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2498 jwal-c Joanna Walczak, Strzelecka 12/3, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2499 kdre-y Karol Drewek, Staroszkolna 8/1, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2500 kdrw-m Anna Kiedrowska, Ceynowy 5/7, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2501 kfel-j Katarzyna Fel, Chrobrego 1/43, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2502 kkal-k Katarzyna Kaluza, Mogileńska 13, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2503 klmr-h Aneta Klamrowska, Sienkiewicza 1c/16, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2504 kmag-d Magdalena Kieruj, Kościuszki 46A/29, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2505 kmlj-w Kamil Jeliński, Sienkiewicza 9/15, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2506 kmlm-h Kamil Markiewicz, Pl. św. Wojciecha 19, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2507 kpop-x Karol Popiołek, Chrobrego 1/34, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2508 krlk-c Karol Kołatka, Zamieście 25, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2509 krzm-o Krzysztof Marchlewski, Akacjowa 6/14, PL-87-200 Wąbrzeźno, Pollando
2510 kwas-r Monika Kwaśniewska, Mickiewicza 29/3, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2511 liso-f Agnieszka Lisowska, Główna 6/2, PL-89-340Kamień Kr., Pollando
2512 magw-j Magdalena Wołoszyn, Leśna 9, PL-89-340 Kamień Kr, Pollando
2513 mals-j Marta Liss, Główna 21/3, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2514 mckp-w Patryk Maćkowiak, Piastowska 10/42, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2515 mckw-n Agnieszka Mackiewicz, Węgierska 1/49, PL-85-858 Bydgoszcz, Pollando
2516 mcza-l Marek Czapiewski, Bankowa 4/1, PL-89 600 Chojnice, Pollando
2517 mdus-q Marcin Duszyński, Kosmowskiego 1/3, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2518 mhpp-n Mateusz Hoppe, Spokojna 9, PL-89-340 KamieńKr., Pollando
2519 misc-l Małgorzata Misch, Piastowska 4, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2520 mjar-f Mateusz Jarmuszkiewicz, Kosmowskiego 1/3, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2521 mklb-m Mariusz Kiełb, Wybickiego 1, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2522 mkot-o Mirosław Koteras, os. Jagiellońskie 10/1, PL-62-200 Gniezno, Pollando
2523 mkro-h Malwina Królczak, Kościuszki 46A/30, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2524 mnkd-x Monika Drewek, Zapolskiej 28, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2525 mnkk-o Monika Kołatka, Zamieście 25, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2526 mnkl-j Monika Lewandowska, Sienkiewicza 11/6, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2527 mowa-n Monika Walczak, Dąbrowskiego 19, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2528 mpuc-i Monika Puczyńska, Gałczyńskiego 7, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2529 mszm-h Mikołaj Szmagliński, Szkolna 27, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2530 mulz-s Bartosz Mulzynski, Chrobrego 6/10, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando




# Pordego al Kongreso


N-ro 2 lunde, la 2-an de aŭgusto

unu ekzemplero senpaga, ceteraj pagendaj per 0,20 GM


# ☞ Gravaj informoj

## Eraroj sur biletoj

### EKSKURSO D5 ĴAŬDO

**Atentu ĉiuj kongresanoj kiuj havas ekskurson D5 en jaudo - D5j!!!**

Rimarku, ke sur viaj biletoj estas notita „vendredo 6-a de aŭgusto". Bv. korekti tion (mane) al „ĴAŬDO 5-a de aŭgusto". Estas grave atenti kaj korekti por ke vi ne miskomprenu kaj maltrafos la ekskurson, ĉar en vendredo ekskursos nur tiuj kiuj mendis por vendredo.

### POST-KONGRESA EKSKURSO P2

Anstataŭ 30-a de julio ĝis 04-a de aŭgusto, estu **07-a de aŭgusto ĝis 16-a de aŭgusto.**

### BANKEDO

Bankedo estos je lundo la 2-an de aŭgusto. Ne la 3-an.

### Aŭtoraj Duonhoroj

Havu la okazon aŭdi niajn plej eminentajn verkistojn en la libroservo (Kalocsay). Hodiaŭ je la 11h00 parolos Malcolm Jones kaj je la 16h00 Erich Dieter Krause prezentos sian verkon "Granda Vortaro Esperanta-Germana" (Großes Wörterbuch Esperanto-Deutsch).

## Program-ŝanĝoj kaj aldonoj

### INTERNACIA VESPERO

Ĉu vi estas muzikanto? Ĉu vi ŝatas kanti, danci, akrobati, jongli aŭ atentokaptan aferon? Bone! Tiam anonciĝu por prezenti vian artaĵon dum la internacia vespero. Ĉiuj interesitoj renkontiĝas hodiaŭ, lunde je la 13.00 sur la kulturetaĝo (Mittelfoyer). - Venu amase!

KN 655 Martin Thorenz

### KOMITATO DE UEA

Temposanĝo ĵaŭdo: La komitato de UEA 3 kunvenos de la 9.00 ĝis la 10.30.

### EŬROPA E-UNIO

Temposanĝo ĵaŭdo: EEU 3 (Eŭropo; publika) komenciĝos je la 10h45 kaj daŭros ĝis la 12h45.

### AZIA AGADO

Kunsidoj pri la Azia agado okazos ĵaŭdon:

fermita kunsido de la 10.45 ĝis la 12.15 (nur por reprezentantoj de landaj asocioj);

publika kunsido de la 13.30 ĝis la 15.00.

### EKSPOZICIO de pentraĵoj kaj grafikaĵoj

Okazas ekspozicio de la pentristino Helga Plötner el Germanio en „Mittelfoyer" (kulturetaĝo) apud la enirejo A en salono 3.

Oni povas admiri portretojn de internaciaj geesperantistoj, ĉarmajn infanportretojn kaj pejzaĝojn.

Ni elkore invitas ĉiujn!

KN 1861

## Atentigo

### CSEH-KURSO kaj CSEH-SEMINARIO estas aranĝoj aparte pagendaj

Ĉiu, kiu deziras partopreni, bonvolu pagi ĉe la enirpordo al salono "Hoekstra".

La aliĝintoj nepre havu ĉe si ĉiutage la kvitancon por rajti eniri la salonon!

Se estas interesitoj por observi la funkciadon de la metodo, ili rajtas ĉeesti, sed la organizantoj petas al tiuj resti en la salono de la komenco ĝis la fino de la leciono. Por tia observado oni devas pagi DEM 21,00 por unu leciono kaj tion oni povas fari ĉe la enirpordo al la salono de la Cseh-aranĝoj.

KN 133 Atilio Orellana Rojas

# Salutmesaĝo de Kofi Annan,

## Ĝenerala Sekretario de Unuiĝintaj Nacioj, al la 84-a Universala Kongreso de Esperanto

Kun plezuro mi sendas bondezirojn al la 84-a Universala Kongreso de Esperanto. Vi kunvenas je la fino de tumulta jarcento, kiu atestis je la pintoj kaj la abismoj de la homaj kapabloj. Multaj mondaj evoluoj rajtas ankoraŭ nin dubigikaj maltrankviligi. En unu regiono disvastiĝas paco, en alia ekfuriozas genocido. Sen-egala lukso apudas teruran malriĉon - la staton, en kiu restas kaptita kvarono de la monda loĝantaro. Tutmondigo nin enretigas ĉiam pli dense, dum maltolero nin plu disigas. Ĉiu progreso estas necerta; la defioj, kiujn ni frontas, fariĝas ĉiam pli kompleksaj.

Hodiaŭ la monda tagordo postulas de la ŝtatoj novajn ideojn, novajn rimedojn, novajn politikajn engaĝojn. Pli kaj pli ofte montriĝas, ke la problemoj komunas. Inter la minacoj troviĝas kelkaj bone videblaj: terorismo, pandemonioj, amasarmado. Aliaj insidas kaŝe: klimata ŝanĝo, narkot-komerco, la "lavado" de ŝtelita mono. ĉiuj ignoras landlimojn; ili estas "problemoj sen pasportoj". Neniu lando sola kapablas ilin forbari. Tial ĉiu lando bezonas Unuiĝintajn Naciojn.

En tia ĉiam pli interplektita mondo, konstrui la pacon - kaj batali kontraŭ minacoj al la paco - postulas la partoprenon de ĉiu civitano kaj ĉiu lando. Diversmaniere kontribuas al tio la registaroj, ne-registaraj organizoj, komercaj entreprenoj, akademiaj institucioj, sindikatoj, virinaj asocioj kaj multaj aliaj. En la lastaj jaroj, tiaj diversaj fortoj de la civila socio - la socio, en kiu neniu rajtas sola kaj senkontrole decidi pri komunaj aferoj - montris sin ĉiam pli aktivaj je la nacia kaj internacia skaloj. Tio estas tre pozitiva evoluo, ĉar ĝi helpas respondecigi la registarojn kaj instigas homojn al kundecidado pri temoj, kiuj rekte tuŝas iliajn vivojn.

Ĉe Unuiĝintaj Nacioj, ĉiuj ĉi kunrolantoj povas kuniĝi en komuna klopodo: por ekologia sekureco, por homaj rajtoj, por justeco, kaj tiel plu. UN daŭre prezentas malfermitan pordon al vivinda estonteco, praktikan forumon por la efika kunsolvado de mondaj problemoj, surbaze de la universalaj idealoj listigitaj en la Ĉarto. Kiel instruas afrika proverbo, "La Teron ni ne posedas, sed prizorgas por la posteuloj". Je ĉi tiu historia momento, plena de esperigaj ebloj, mi dediĉis min al la konstruado de nova fundamento el paco, progreso kaj evoluo, en la kadro kaj per la helpo de Unuiĝintaj Nacioj. Tian devon, al la nuntempo kaj la estonto, nun frontas ni ĉiuj. En tiu spirito, mi deziras al vi plenan sukceson.

Kofi Annan

### Senkosta monŝanĝo

Valutoj el la eŭro-zono povas esti ŝanĝataj al germanaj markoj senkoste ĉe: Landeszentralbank, Leibniz-str. 9-10, apud U-haltejo "Deutsche Oper" lunde ĝis vendrede de 8h00 ĝis 13h00.

### Bicikle el Ĉeĥio

La instruisto por gimnastiko kaj geografio Oldrich Schwetter forveturis la 28-an de junio en Havirov proksime de Ostrava kaj biciklis 1146 kilometrojn ĝis Berlino, survoje vizitinte esperantistajn kaj aliajn geamikojn. Bonvenon en Berlino!

### Kalendaro 2000 - Niaj Infanoj

Bela bildkalendaro, eldonita de la Esperanto-klubo de Lund, Svedio por apogi la agadon de Pacamanta Esperanto-Rondo en Mwanza, Tanzanio kaj aparte por helpi financigi la diskonigon kaj disvastigon de sunenergiaj kuiriloj tie kaj ankaŭ en aliaj afrikaj landoj. Aĉetebla ĉe la UK-libroservo kontraŭ 10 DEM.

### REMEMORIGOJ

#### Kongresa temo 2

La kunsido pri la kongresa temo okazos jaŭde 16.30 ĝis la 18.30 en salono Wüster (Dachgartenfoyer).

#### Postkongreso P2: Budapeŝto-Bukareŝto

Kunveno de partoprenantoj okazos jaŭde je la 16.30 en salono Kühlmann (ĉambro 15).

#### Akcepto por Societo Zamenhof

okazos en la tegmenta restoracio (Dachgarten), mardon de la 18.30 ĝis la 19.30 (ne en restoracio Pullman, kiel anoncite en la Kongresa libro).

### Psikiatro adresas ILEI-kunsidon

*pri problemo de manskriba alfabeto. La tradiciaj estas tro malfacilaj por infanoj kaj konfuzaj por legantoj. Modelojn de naciaj elementaj manskriboj kaj ties reformo atendas Valdas Banaitis el Litovio.*

KN 1830

# Atendas vin pli da kunvenoj!

### Radio

Tutaparte por Esperanto en radio, 1999 estas jaro de la interreto. Ja pli kaj pli da esperant lingvaj radioprogramoj estas aŭdeblaj tra la TutTera Teksaĵo (pere de teknologio Real). Temas ne nur pri internaciaj ŝtataj stacioj (Varsovio, Tallinn, Vieno kaj Vatikano) sed ankaŭ pri lokaj iniciatoj: jen de Västerås (kiu antaŭe elsendis nur loke per FM kaj nun akiris mondskalan aŭskultantaron), jen de ekaperantaj stacioj, kiuj elsendas nur interrete: Retradio el Koreio kaj Radio Saluton. Detaloj kaj ligoj ĉe la TTTejo de Esperanto en Radio (http://osiek.org/aera) aŭ surpapere: informiloj haveblaj dum la kunveno, kun ĉiuj indikoj (mallongaj ondoj, satelito, TTT ktp.)

Kunveno de radio-aŭskultantoj: lundon, 13h30, sal. Elsbeth Bormann

KN 1893 Bruno Masala

### Rotarianoj

Membroj de R.A.D.E. kaj aliaj esperantistoj-rotarianoj bv. kontakti KN 742 (U. Grattapaglia) por neformala kunveno dum la UK.

### Baltmara renkontiĝo

Esperantistoj el landoj ĉe la balta maro estas bonvenaj renkontiĝi en la halo antaŭ salono Wüster je la 19a horo lunde por interkonatiĝi kaj pridiskuti kunlaboron. (KN 2009)

### Internacia Ĥoro

Jen la horoj por ekzercoj: lunde 12h00 malantaŭ scenejo en salono Zamenhof kaj 16h30 en salono Kühlmann; marde 12h00 malantaŭ scenejo kaj 16h30 en salono Kühlmann; ĵaŭde 16h30 salono Kühlmann; vendrede 14h00 malantaŭ scenejo kaj vespere - prezento! (Informas H. Fantom, KN 2661)

### Maldekstruloj renkontiĝas

La berlina Maldekstra Forumo organizas renkontiĝon inter esperantistoj kaj neesperantistaj membroj de germanaj maldekstraj partioj kaj organizaĵoj. La kunveno okazos en la Esperant-lingva kafejo "Verda Dorno", pensiono Rotdorn, Heerstraße 36 (kvarona horo piede de la kongresejo) je lundo 19h30. (Informis Gary Mickle.)

### Jarkunveno de ISAE

La jarkunveno de ISAE okazos en du partoj. Parto 1 je mardo (3-a de aŭg.) je la 15h30 ĝis 17h00 en salono 9. Ĝi enhavos estrar- kaj financraporton kaj senŝarĝigon de la kasisto pri la jarkalkulo 1998. La trijara estrarperiodo finiĝas la 31-an de decembro 1999. Pro tio la ĝenerala sekretario informos pri elektoproceedo kaj kandidatoj. Post paŭzo okazos prelego de s-ro Franz-Georg Rössler „Simetriaj strukturoj en la muziko". Parto 2 de la jarkunveno okazos vendredon (6-a de aŭg.) je la 11h45 ĝis 13h15 en salono 9. Temos pri estrarelekto kaj la plua evoluado de ISAE kaj de ties organo Scienca Revuo.

### Interreligia preĝhoro

La bahaa Esperanto-Ligo invitas al interreligia preĝhoro, en Esperanto kaj en aliaj lingvoj, je lundo 17h00 ĝis 18h30 en la "Evangelische Kirche am Lietzensee" (Herbartstrasse 4-6). Eblas rendevui je la 16a horo ĉe la bahaa budo, apud la renkontejo, por komuna irado al la preĝejo. (KN 1956)

# 65-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj

La kongreso okazis en Berlino de la 25-a ĝis la 31-a de julio 1999. Partoprenis 102 vidhandikapitoj kaj akompanantoj el 18 landoj en 4 kontinentoj. Unuafoje ĉeestis afrika blindulo Lazare Hounake el Lomé, Togolando, kiu tute sola sukcesis alveni. Amerikon reprezentis Jean Sorel (Kanado), Azion - Natalija Kasymova (Taĝikio).

La kongresa temo „Esperanto kaj kulturo" inspiris i.a. altnivelajn prelegojn de LKK-prezidanto Theodor Speckmann pri Goethe kaj Fontane, de Nadja Ĵukova pri Puŝkin kaj de Otto Prytz pri la norvega aŭtoro Falkberget; krome muzikon de krimea blindulgrupo.

Riĉa ekskursa programo vidigis Berlinon, Potsdam (kastelon „Sanssouci" kun unika ŝanco mane vidi objektojn) kaj - kvietige - Spree-arbaron. Pli fakaj temoj rilatis la kulturan servon de la Finna Blindulligo (Raimo Tanskanen) kaj la influo de la sociala kaso de Eŭropa Unio al dungado de blinduloj (Arvo Karvinen).

Resume estis unu el la plej sukcesaj blindulkongresoj de la jarmilo.

La venontan kongreson organizos verŝajne bulgaraj membroj en Plovdiv (por la jaro 2000).

KN 104 Rob Moerbeek, KN 1936 Jan Bemelmans

## Novaĵoj tra la mondo

**Atako en Priŝtina:** Okazis bomb-atako kontraŭ la serba preĝejo en Priŝtina, ĉefurbo de Kosovo, je la nokto de dimanĉo al lundo. Ne estis raportoj pri vunditoj. La KFOR-trupoj intensigis kontrolojn.

**Nova ortografio:** Ekde hodiaŭ gazetoj kaj ĵurnaloj en Germanio uzas novan ortografion, pri kiu deciciis Aŭstrio, Germanio kaj Svislando antaŭ du jaroj. Plej grava ŝanĝo rilatas al la litero "ß". Ĝi estas anstataŭata per "ss", se ĝi sekvas mallongan vokalon. Do anstataŭ "Kongreß" ekde hodiaŭ gazetoj skribas "Kongress".

**Duobla venko por Ferrari:** Je la aŭtomobila konkurso en Hockenheim, Germanio, je dimanĉo venkis Eddy Irvine sur Ferrari, dua estis Mika Salo, same sur Ferrari. Mondĉampiono Mika Häkkinen havis akcidenton pro krevanta pneŭo veturante kun rapideco de 340 kilometroj hore, li restis nevundita, sed ne povis daŭrigi la konkurson.

**Vetero hodiaŭ:** suna, varmega kun temperaturo inter 25 kaj 32 gradoj.

## Redakcia angulo

La redakcio kolektas viajn kontribuojn en la kesto ĉe la informejo.

Redaktofino por la venonta numero: lunde 16h00.

Ĉi tiun numeron redaktis Thomas Bormann, Reinhard Pflüger, Sandra Schweder, Frank Stocker.

## Korekto de adreso

1995 sliw-i

S-ro Krzysztof Śliwiński, str. Solec 24, PL 00-403 Warszawa

# Novaj aliĝoj

2531 mwal-w Michal Walas, Hallera 11/19, PL-87-200 Wąbrzeźno, Pollando
2532 nasf-o Natalia Freigant, XX-lecia PRL 9, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2533 mak-p Maciej Woźniak, Hallera 15a/27, PL-87-200 Wąbrzeźno, Pollando
2534 nalw-i Natalia Warsińska, Mickiewicza 36/6, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2535 pdud-h Paulina Dudek, Pol. w Radz. 20/4, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2536 phaj-t Przemysław Hajdak, Lubiń 20, PL-88-343 Wydartowo, Pollando
2537 plrk-m Piotr Pilarek, Al.Brzozowa 24/b13, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2538 pup-p Piotr Pilarek, Al. Brzozowa 24b/13, PL-89-600Chojnice, Pollando
2539 pwac-j Paulina Wachacz, Śniadeckich 21, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2540 pwal-q Patrycja Walter, Toruńska 3a, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2541 dnc-m Marlena Czarnowska, Malinowa 52, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2542 mrw-x Monika Rosołowska, ul. Przykop 1, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2543 mmaj-t Maria Majewska, Pol. w Radz. 20/4, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2544 rych-s Joanna Rychlicka, Szkolna 15, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2545 rysr-i Ryszard Rychlicki, Wojska Polskiego 5/18, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2546 ryl-i Piotr Rytlewski, Główna 8/1, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2547 siud-m Paweł Siudak, Chrobrego 1/31, PL-88-340 Trzemeszno, Pollando
2548 slom-i Dorota Słomińska, Pocztowa 22/4, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2549 slzk-a Anna Ślęzak, 22 Lipca 8, PL-88-400 Żnin, Pollando
2550 ssgn-o Agnieszka Less, Pol. w Radz. 20/1, PL-89-340 Kamień Kr., Pollando
2551 tbob-n Tomasz Bobrowski, Sienkiewicza 9/9, PL-89-340Kamień Kr., Pollando
2552 tura-g Michał Turzyński, Pietruszkowa 6/2, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2553 wpil-b Weronika Pilarek, Al.Brzozowa 24b/13, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2554 wpuc-o Wioletta Puczyńska, Gałczyńskiego 7, PL-89-600 Chojnice, Pollando
2555 mczn-y Michał Mączyński, Ugory 3/35, PL-85-132Bydgoszcz, Pollando
2556 jerh-m Prof. Judita Rey-Hudeček, Trnsko 49D, HR-10000 Zagreb, Kroatio
2557 scrm-x S-ro Michael Scherm, von-Thürheim-Str. 47, DE-89264 Weissenhorn, Germanio
2558 gbri-d S-ro Abbé Gabriël Anda, Abbaye St. Pierre,FR-07340 Champagne, Francio
2559 sgbo-n D-ro Sjoerd G. Bosga, Trädgårdsgatan 27 D, SE-72337 Västerås, Svedio
2560 born-l S-ro Robert von dem Borne, Vuurpijlstraat 8 E,NL-3053 EZ Rotterdam, Nederlando
2561 lchm-z Ulrich Ammon, ulrich.ammon@univie.ac.at, Aŭstrio
2562 ashm-z Dr. Fawzia Al Ashmawi, University of Geneva 31, rue Le Corbusier, CH-1208 Geneva, Svislando
2563 arxr-d Dr. Reiner Arntz, Univesität Hildesheim Marienburger Platz 22, DE-31141 Hildesheim, Germanio
2564 phll-r Robert Phillipson, ROBERT@babel.ruc.dk, Danio
2565 iskt-s Mrs. Tove, ROBERT@babel.ruc.dk, Danio
2566 vttr-l Vittorio Dell'Aquila, Via Resegone 150, IT-21040 Cislago, Italio
2567 avid-f David Hallbeck, Södra Storgatan 30, SE-252 23 Helsingborg, Svedio
2568 eama-p Eamon Hanley, Vindögatan 37, SE-257 33 Rydebak, Svedio
2569 hamm-p S-ino Jessica Hammeier, Vindögatan 37, SE-257 33 Rydebäck, Svedio
2570 srih-n Siri Hanley, Vindögatan 37, SE-257 33 Rydeback, Svedio
2571 wyup-a S-ino Wang Yuping, 145-17 Gulingle, CN-200000Shanghai, Ĉinio
2572 sojo-j S-ro Josefo Salguero, Rena 11 Bajo, ES-06400 Don Benito, Hispanio
2573 yamr-m S-ro Ramazani Lauson Yambuka, bei Mariensen Yvonne Oberstr. 135, DE-51149 Köln, Germanio

(daŭrigota)




# Pordego al Kongreso

N-ro 3 marde, la 3-an de aŭgusto

unu ekzempero senpaga, ceteraj pagendaj por 0.20 GM

## Program-ŝanĝoj

### Medicinistoj

La kunveno de medicinistoj (UMEA) okazos marde je 18.15 ĝis 19.00 en salono Cathy Schulze (anstataŭ vendredo).

Ferenczy Imre, KN 1375

### Legantoj de "Esperanto"

Kunveno kun ĝia redaktisto István Ertl okazos jaude je 15.00 ĝis 16.00 en salono Wüster (Dachgartenfoyer).

### KOREKTOJ: Postkongreso P2: Budapeŝto-Bukareŝto

Kunveno de partoprenantoj okazos jaŭde **je 15.30 ĝis 16.45** en salono Kühlmann (ĉambro 15).

En la antaŭaj numeroj de la "Pordego" aperis malĝusta tempo. Ni petas pardonon.

### Azia agado

Kunsidoj pri la Azia agado okazos jaŭdon **en salono "Kühlmann"**:

fermita kunsido de la 10.45 ĝis la 12.15 (nur por reprezentantoj de landaj asocioj);

publika kunsido de la 13.30 ĝis la 15.00.

### Aŭtoraj Duonhoroj hodiaŭ

11.00 Anna Löwenstein pri sia romano "La ŝtona urbo"
16.00 Georgo Handzlik pri siaj novaj publikaĵoj

## Hodiaŭ estas la tago de la lernejo

Ĉiuj interesatoj pri la instruado de Esperanto je ĉiuj niveloj estos tre bonvenaj ĉe salono HOEKSTRA.

### Programo

| | |
|---|---|
| 10a45 | Bonvenigo kaj enkonduko al la temoj, Mauro la Torre |
| 11a10 | La germana eduksistemo, Günther Lobin |
| 11a30 | "Esperanto, pasporto al la tuta mondo", Lusi Harmon |
| 12a05 | "Pedagogiaj helpiloj de ILEI", Stefan Mac Gill |
| 12a30 | "Kiajn pedagogiajn helpilojn serve al Interkulturo (nova projekto de ILEI) - pretigu / diskonigu - ronda tablo - diskutado, Mauro la Torre, Stefan Mac Gill, Paul Gubbins |
| 13a30 | Ĝenerala diskutado |
| 14a15 | Fermo |

KN 1455, Jenifer Bishop

### Savi kulturan heredaĵon

Dum 112 jaroj nia komunumo prokduktis amason da kulturaĵoj. Ili estas plej ofte sur detruiĝemaj materialoj. Nia tasko estas nun pripensi strategiojn por savi ilin. Alia tasko estus kompili kompletan bibliografion de Esperanto. Ni ankaŭ bezonas gvidliniojn por katalogigi la diversajn Esperanto-bibliotekojn.

Por antaŭenigi ĉiujn tiujn taskojn ni atendas vin en salono Manson jaude je 11.00 en salono Manson.

KN 1486 Darbellay

### Rememorigoj

**Kongresa temo:** jaŭde 16.30 en salono Wüster

**Akcepto por Societo Zamenhof:** en la tegmenta restoracio (Dachgarten).

### "Faru-mem"-kalendaro

Jen donaco por viaj amikoj:

En la UK-librovendejo estas antaŭmendeblaj kalendaroj por memkompletigo. Elektu la bildojn, fotojn, poŝtkartojn ktp. kaj metu ilin en la kadrojn.

KN 608 Makkonen

### Suneklipso

Ĉe la artikolo pri prelego pri la suneklipso (p. 65 de la kongresa libro) mankas indiko pri tempo kaj loko. Ĝi okazos marde je 12.30 en salono Hodler (ĝuste indikite en la programlistoj).

### Perdita

Blanka teleskopa bastono perdita en kongresa kafejo aŭ koridoro (4). Se iu trovas ĝin, bv. lasi ĉe la informejo. Koran dankon!

KN 2089

## Raportetoj pri kunvenoj

La redakcion atingis multaj detalaj raportoj. Mankas spaco ĉion aperigi. Jen telegramstile resumoj:

**AIS-IKU:** La intereso estas superatende granda; 80 personoj ĉeestis la prelegojn de prof. Eichhorn kaj d-ro Füssmeier pri medicino kaj pri komputila sekureco. Jen instigo okazigi AIS-kursojn ankaŭ kadre de IKU en Tel-Avivo.

**Poŝtistoj:** Dum la ĉefkunveno de IPTEA prezidanto Veikko Mäki-Luopa el Finnlando raportis, ke en lia hejmlando ekzistas plej multe da radio-telefonoj kompare kun la loĝantaro, nome 60 %.

**Monda Turismo:** 50 personoj ĉeestis la kunvenon kaj aŭdis pri la bona evoluo de la Internacia Asocio "Monda Turismo", kiu agas mondskale. Ekzemple, ĉi-monate okazas vojaĝo al la 2-a Azia Esperanto-Kongreso en Hanojo, Vjetnamio. La kunveno instigas al LKK-oj ebligi malaltkostan loĝadon por homoj el malriĉaj landoj.

**Kosmologio de Martinus:** S. F. Jorgensen (KN 666) laŭdas la kunvenojn de Martinus-instituto pri reenkarniĝo kaj karmo: "La prelego donis inspiron por fariĝi pli bona homo." Pliaj kunvenoj okazos hodiaŭ kaj ĵaŭde, je 16h30 en salono Elsbeth Bormann.

**AVE:** Asocio de Verduloj Esperantistaj informas pri kontaktoj al Verdaj Eŭro-parlamentanoj. La franca partio Les Verts subtenas proponon studi kiun rolon Esperanto povus ludi inter Verdulaj partioj. Venonta kunveno hodiaŭ je la 10-a horo en salono Dietterle.

**Virina Agado:** Pro miskompreno kaj ŝlosita koridora pordo okazis du kunsidoj paralele: 14 personoj kunvenis en la antaŭvidita salono, 13 pliaj personoj ne atingis tiun salonon kaj kunsidis surkoridore. Se vi volas aktiviĝi, bv. kontakti Choi Yun Huy (Hortensio) (KN 165).

**Estraro de UEA:** La estraro lunde respondis al demandoj, i.a. pri interreto, Azia Kongreso kaj Eŭropa Parlamento. La estraro instigas partopreni en strategia forumo kaj en kunvenoj pri eksteraj rilatoj de UEA.

# Salutmesaĝo de Federico Mayor,

## Ĝenerala Direktoro de Unesko, al la 84-a Universala Kongreso de Esperanto

Kun granda plezuro mi sendas bondezirojn al la partoprenantoj en la 84-a Universala Kongreso de Esperanto. Via kongreso pritraktos la problemojn de tutmondiĝo, paco kaj lingva diverseco. Tiuj temoj ja centre rolas en la programo de Unesko, kaj ne eblas trotaksi ilian gravecon en la ĉiutaga vivo de homoj tra la tuta mondo.

Starigante la demandon, "Tutmondiĝo: ŝancoj por paco?", via kongreso enfokusigas du aktualajn aspektojn de la homakunpensado kaj kunagado. Unue, temas pri la eterna problemo de ĉiuj civilizacioj kiel certigi la pacon; due, temas pri reganta socia evoluo fine de la 20a jarcento, nome tutmondiĝo. Pro tio, ke paco, evoluo, kaj demokratio formas nedisigeblan triangulon, necesas konsideri, kiel demokratio rilatas al tutmondiĝo, kaj kiel tutmondiĝo influas la socian evoluonĝenerale kaj precipe la kulturan evoluon.

Kiel sian mision Unesko alprenis la celon, "konstrui la defendojn de la paco" en la mensoj de ĉiuj homoj. Ĝuste tial, mia Organizo direktas sian agadon al la konstruado de kulturo de la paco. Tiucele ni fondis la projekton LINGUAPAX, kun la devizo "Paco per la lingvoj". Per plurlingva edukado kaj la subteno de lingva kaj kultura diverseco, ĝi celas fortigi la kredon kaj volon je paco inter la lernantoj.

Interparolante, homoj lernas kompreni unu la alian kaj praktiki la moralan solidarecon, sur kiu baziĝas ĉiu vera integriĝo. En tia aliro efektive kuniĝas la idealoj de d-ro Esperanto kaj tiuj de Unesko. Ni dividas vizion pri vera tutmondeco, preter la tre limigita tutmondiĝo ekonomia de la merkatoj. Niajn esperojn pri la estiĝo de tutmonda homa komunumo ni bazas sur la plej altaj valoroj de la homa kulturo, tiu transcenda elmontro de la homa spirito. Pro tio, ke kulturon oni esprimas unuavice lingve, interkompreniĝo per la reciproka studado de lingvoj daŭre konsiderebias kiel unu el la plej bonaj rimedoj por kunkonstrui kulturon de la paco.

Ni renovigu niajn strebojn por certigi, ke la tutmondiĝo inkluzivu ankaŭ tiun ĉi dimension: senkondiĉan respekton al kultura kaj lingva diverseco. Se ni sukcesos ĉi-rilate, tio siavice naskos novajn ŝancojn por plifortigi la pacon kaj plibonigi homajn vivojn.

Mi deziras al vi sukceson en ĉi tiu lasta kongreso de la jarcento, kaj atendas kun intereso la raporton pri viaj diskutoj.

---

## Vegetaranoj

Por la unua fojo okazis kurso de Esperanto laŭ Cseh-metodo kaj Mazi dum la "The 7th European Vegetarian Union Congress" en de la 18a ĝis 23a de julio. La lingvoj de la kongreso estis la angla kaj la germana. Inter la 300 kongresanoj estis 20 lernantoj de diversaj landoj, kaj pluraj daŭrigas la lernadon.

Carla de Lorenzi, KN 1470

## Deklaracio pri Etnista Humanismo

La Kunveno de IKEL je dimanĉo aprobis la Deklaracion por Etnista Humanismo.

Laŭ tiu deklaracio la nuna monda situacio estas plurflanke kritikinda, pro tutmondiĝo kiu okazas en la plej malbona maniero prioritatigante la interesojn de ekonomiaj potenc-elitoj anstataŭ klopodi solvi mondskale la problemojn de malriĉeco, malsatado, nejusteco. Eĉ, tiuj grupoj ekspluatas la ekziston de etnaj konfliktoj por akapari al si la disponeblajn rimedojn kaj akiri kontrolon super neleĝaj negocoj kiel vendado de armiloj kaj drogoj. El tio venas ne plu tolerebla ekspluatado de la Naturo, kiu kaŭzas katastrofojn kiel la forcejan efekton, kaj militoj kies superstrukturo estas etna, sed kies efektiva kialo estas ekonomiaj interesoj.

La IKEL-membroj do intencas direkti sian agadon al pli justa distribuo kaj uzo de naturaj rimedoj, kiu evitu ekspluatadon super indiĝenaj popoloj kaj ekologiajn katastrofojn.

Por kontaktoj: Daniele Vitali, 15a, rue de Hesperange, L-1731 Luxembourg, retpoŝto: ikel@bigfoot.com.

La Deklaracio troviĝas en pluraj TTT-ejoj; serĉu ĝin rete per ĝia titolo.

## Subskribu!

La plej granda poŝtkarto de la mondo, kreita dum UK 1998, en Montpeliero, alvenis ĉi-tie por ke ankaŭ vi, partoprenantoj de la UK 1999, subskribu ĝin.

Vi povos vidi la bildan flankon ĉe la ĉefa enirejo de la kongresejo dum la tuta tago kaj subskribi la alian flankon inter la 18-a kaj 19-a horoj ĉi-vespere.

Poste, ĝi revenos al Francio por esti donacita al la Prezidanto de la Eŭropa Parlamento kiel pruvo ke Esperanto vigle vivas.

# Salutoj kaj bondeziroj

### de esperantistoj

"Al kongresanoj, korajn salutojn nome de KEA Kordoba Esperanto-Asocio en Argentino kaj samideanoj de la lando: ni dankas al LKK kaj Pola Radio, kiuj ebligas al ni partopreni la UK pere de la reto. Sukceson!" (Roberto Sartor el Kordobo, Argentino)

"Mi, nome de Zimbabŭa Esperanto-Instituto, sendas elkorajn salutojn kun profunda bedaŭro pri ne-partopreno ..." (Oliver Mazodze el Masuingo, Zimbabŭo)

Salutojn sendis ankaŭ Manuel da Silva Luz el Faro, Portugalio, kaj Sajmir Beqiraj el Albanio.

### de germanaj politikistoj

Hans-Dietrich Genscher, Germana Parlamento (eksministro pri ekstera politiko):

"... Mi bone konscias pri la grava kontribuo, kiun Esperanto faras por la interkompreniĝo inter la popoloj."

El la oficejo de la tiama germana kanceliero d-ro Helmut Kohl venis jena letero responde al peto partopreni en la honora komitato:

"... Li volonte akceptas vian inviton. ... Per tio la federacia kanceliero deziras esprimi sian aprezon por la germana kaj la monda Esperanto-movado. En ĝia longa historio ĉiam estis la celo de tiu movado, subteni la pacan kunvivadon de homoj kaj servi al la dialogo inter la kulturoj.

Krom tio por li estas grave honori la fakton, ke la Universala Esperanto-Asocio decidis kongresi en la ĉefurbo de reunuiĝinta Germanio. ..."

## EU-parlamentano pledas por Esperanto

Dum la inaŭguro de la UK parolis d-ro Christof Tannert, ano de la Eŭropa Parlamento kaj membro de la honora komitato de la UK. Li interalie diris jenon (elĉerpaĵoj tradukitaj el la manuskripto):

"La Eŭropa Unio aktuale havas 15 membroŝtatojn kun 11 oficialaj lingvoj. Tiom same da oficialaj lingvoj havas la Eŭropa Parlamento, kaj kun la venontaj plilampleksigoj fariĝus 10 pli, se oni restus ĉe tiu principo. Tio ne eblas. Ĉiukaze estas maljusta principo, ĉar en multaj membroŝtatoj ekzistas pli ol unu lingvo.

Solvo nur povas esti uzo de dua lingvo komuna por ĉiuj. En la institucioj de la EU la angla jam estas fakte la komunikada lingvo. Sed estas tre simpla angla, kaj kiel ĉiuj etnaj lingvoj ankaŭ la angla ne estas neŭtrala politike kaj kulture. Do oni konsideru konstruitan lingvon kiel Esperanton.

128 anoj de la Eŭropa Parlamento (pli ol 20 %) subtenis iniciaton, kiu postulas Esperanton kiel devigan lernejan fakon. Intertempe ankaŭ mi aliĝis al ĝi.

Mi fine citas la filozofinon Hannah Ahrendt: 'La unuiĝo de la homaro kaj ĝia solidareco ne povas konsisti el tutmonda kontrakto pri unu religio, unu filozofio aŭ unu registara formo, sed nur el la fido, ke la diverseco montras al la unueco, kiu per la malsamoj samtempe estas kaŝata kaj malkaŝata.'

Por tia unueco komuna komunikada lingvo estus plej bona kondiĉo, nome por vivoplena multeco de lingvoj."

## Novaĵoj tra la mondo

**Israelaj-palestinaj interparoloj stagnas:** La du flankoj ankoraŭ ne sukcesis interkonsenti daton, je kiu Israelo retiriĝu de pliaj 13 procentoj de la okupitaj teritorioj, laŭ la interkonsento de Wye. La palestina registaro postulas redonon ene de tri semajnoj; Israelo ofertas redonon en oktobro kaj proponas ligi ĝin kun interparoloj pri definitiva packontrakto.

**Katastrofo en hinda stacidomo:** Kvincent personoj mortis, kiam du trajnoj koliziis en la orient-hinda stacidomo de Gaisan.

**Berlino perdas enloĝantojn:** Kvankam dum la pasintaj monatoj multaj oficistoj de la germana registaro translokiĝis de Bonn al Berlino, la nombro da enloĝantoj de Berlino daŭre malkreskas. La 30an de junio Berlino havis precize 3.349.045 enloĝantojn.

**Vetero hodiaŭ kaj morgaŭ dum la ekskursa tago:** Daŭre suna kaj varmega. Tage ĉirkaŭ 30 gradoj, nokte minimume 16 gradoj; de okcidento venas nuboj, sed pluvon oni antaŭvidas plej frue je jaŭdo.

## Esperantlingva kafejo

Bela kafejo "Verda Dorno" kun trankvila ĝardeno kaj tre malaltaj prezoj invitas al kafo, teo, kuko, biero, suko aŭ alia. Venu inter la 17-a kaj 24-a horo al kafejo "Verda Dorno", pensiono Rotdorn, Heerstraße 36. Ĝi troviĝas jekvaronhora pieda distanco de la kongresejo, proksimume de S-haltejo "Raußendorffplatz". Bonvenon!

## Enketilaj rezultoj

Jen la unuaj tri ciferoj post trastudo de la unuaj 50 kongresaj enketiloj: meza aĝo de kongresano: 52 jaroj; meza aĝo dum unua kontakto kun Esperanto: 22 jaroj; meza aĝo dum eklerno de Espertanto: 31 jaroj. Sekve averaĝe pasas 9 jaroj inter ekkontakto kun Esperanto kaj eklerno de la lingvo.

## Redakcia angulo

La redakcio kolektas viajn kontribuojn en la kesto ĉe la informejo.

Redaktofino por la venonta numero, kiu aperos **jaŭde**: marde 16h00.

Ĉi tiun numeron redaktis Thomas Bormann, Reinhard Pflüger, Frank Stocker.

## Kultur-Turisma aranĝo

De la 2a ĝis la 9a de oktobro 1999 okazas la "Sepa Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo" (sub la aŭspicio de Hispana Esperanto-Muzeo") en CAMBRILS (Taragona) Katalunujo - Hispanujo. Nia "Semajnejo" estos la hotelo "Cambrils Playe" apud la maro. Ni havos kursojn por komencantoj kaj progresantoj - Memoru, ke en tiu tempo la maro tie estos ankoraŭ varmeta kaj alloga por infanoj. H.F.E.A. Apartado 15027 / ES-08080 Barcelona (Hispanio)

Carla de Lorenzi, KN 1470

# Novaj aliĝoj

| | | |
|---|---|---|
| 2574 | houn-s | S-ro **Raoul A. Kouamigan Hounnake**, B.P. 60614, TG- Lome, Togolando |
| 2575 | jfrm-g | S-ro **Murtaza Jafri**, 1047-A London Road Thornton Heath, Surrey, Briuo CR7 6JC |
| 2576 | armi-n | S-ino **Mária Molnár**, Béke u. 13, HU-6131Szank, Hungario |
| 2577 | cndm-a | S-ino **Eliza Monica Candea**, Doina 36, D77, Ap.24, RO- Oradea, Jud. Bihor, Rumanio |
| 2578 | didi-h | S-ro **Dietrich M. Weidmann**, Postfach 301, CH-8034 Zürich, Svislando |
| 2579 | ngfo-h | S-ino **Nélida Weidmann-González-Fonseca**, Postfach 301, CH-8034 Zürich, Svislando |
| 2580 | mihh-e | S-ro **Michiel Mennwissen**, Warande 19, NL-1705 ZC Zeist, Nederlando |
| 2581 | jiwu-p | S-ino **Jinhe Wu**, Buyukdere cad. Bentek İşMerkezi 47 N.5/507 Mecidiyeköy, TR- Istanbul, Turkio |
| 2582 | erto-o | S-ro **Alberto Fernández Calienes**, California 13-A, entre Regla y Caridad, Reparto Modelo/Regla, CU-11200 La Habana, Kubo |
| 2583 | brez-z | **B. Brezigar**, Nitobe99, Belgio |
| 2584 | neno-h | S-ro **Neven Kovačić**, Jaargetijdelaan 59, BE-1050 Brussel, Belgio |
| 2585 | cobb-i | S-ro **Stephen Cobb**, Hughes International GmbH Ferdinand-Stuttmann-Str. 15, DE-65428 Roesselsheim, Germanio |
| 2586 | nmsf-i | **Prof. Dr. Florian Coulmas**, Gerhard-Mercator-Universitat, DE- , Germanio |
| 2587 | vbru-g | S-ino **Veronika Bruzilaite**, Reikjaviko g. 6-4, LT-5815 Klaipeda, Litovio |
| 2588 | payi-h | S-ino **Isabelle Payet**, Les Cottages 17 60 ch duCharbonnier, FR 69200 Venissieux, Francio |
| 2589 | auaa-d | S-ro **Audrys Antanaitis**, Kygos str. 26-68, LT-2017 Vilnius, Litovio |
| 2590 | aacl-a | **Ana Amélia C. Lacerda**, R.Barão de Aracati 644/101 bl.B, BR-60115-000 Fortaleza - CE, Brazilo |
| 2591 | hosa-n | S-ro **Sandor Horvath**, 31 Addison Road, Black Forrest - SA 5035, Aŭstralio |
| 2592 | kskk-d | S-ro **Aron Kishkewitz**, Wicherstr. 43, DE-10439 Berlin, Germanio |
| 2593 | gaan-m | S-ro **Gabriel Anda**, , CM- , Kamerunio |
| 2594 | mskv-w | S-ro **Vladimir G. Meškov**, Gusarova 77-77, RU-660130 Krasnojarsk, Rusio |
| 2595 | hmma-r | D-ro **Hans Michael Mattzen**, Endemanngasse 6-18/1/24, AT-1230 Wien, Aŭstrio |
| 2596 | helg-h | S-ino **Hedwig Igne van Delbruggen**, Grote Baan 81, BE-9250 Waasmunster, Belgio |
| 2597 | vdeb-r | S-ro **Maurits Vanderbruggen**, Grote Baan 81, BE-9250 Waasmunster, Belgio |
| 2598 | vmal-i | **Dipl. ing. Veikko Mäki-Laopa**, Paasitie 20 A, FI-00830 Helsinki, Finnlando |
| 2599 | brva-e | S-ino **Vanda Bralić**, , HR- , Kroatio |
| 2600 | velo-z | S-ino **Vera Lončar**, , HR- , Kroatio |
| 2601 | maah-e | S-ro **Ali Reza Mahalatian**, No. 41, K. Shahid Shirzad Kh. Khoram, Burujerd 69136, Irano |
| 2602 | olta-e | S-ro **Mohammad Tarom Oliai**, , , Irano |
| 2603 | ydgk-k | S-ino **Kolsoom Yadegari**, No. 86, K. Shadi Afzali Istgah-e Kasbiha, Kh. Namju, Tehran 16149, Irano |
| 2604 | gnla-h | S-ro **Gonçalo N.L.C. Neves**, Av. Miguel Torga A-4-B 2 A, PT-1070-183 Lisboa, Portugalio |
| 2605 | sgbk-h | S-ro **Kokou Sagbadjelou**, E.P.P. de Zowla B.P. 36, TG- Aneho, Togolando (daŭrigota) |




# Pordego al Kongreso

N-ro 4 jaŭde, la 5-an de aŭgusto

unu ekzemplero senpaga, ceteraj pagendaj por 0,20 GM

## Venu amase al publika prezento

La plej grandan poŝtkarton de la mondo (laŭ Guiness-libro) ni hodiaŭ je la 10.30 h prezentos al la publiko (antaŭ la kongresejo). Ni atendas ankaŭ la gazetaron kaj fotistojn. Venu amase por tiu dato! Antaŭ tiu horo vi povos subskribi la dorsan flankon de la karto en la antaŭhalo de la kongresejo.

## Program-ŝanĝoj kaj aldonoj

### Chopin-koncerto

La koncerto de Mariusz Adamczak kun verkoj de Frederiko Chopin en salono Lapenna komenciĝos NE je 16.45, sed nur **je la 17-a horo** (eniro ne antaŭ 16.50).

### Naturkuracado

La prelegoj de Internacia Naturkuraca Asocio (INA) okazos laŭplane vendredon je 10.45 en salono Dietterle. Erare la informo ne estas skribita en la tempa kaj alfabeta indeksoj. Hudeček

### La suneklipso

Pro la granda intereso la prelego de Amri Wandel pri la suneklipso ripetiĝos jaŭdon je 9.00 en salono Wüster (Dachgarten-foyer).

### Savu heredaĵon

Speciala komisiono de Kampanjo 2000 pri savado de heredaĵo kunvenos jaŭdon je 11.00 en salono Manson (ĉambro 35).

### Manlaboraĵoj

Ŝatantoj de diversaj manlaboraĵoj kaj metioj estas invitataj al kunveno jaŭdon je 9.00 en salono Kühlmann.

### S.A.T.

Publika SAT-informkunveno okazos jaŭde je 11.00 ĝis 12.00 en salono Wüster (9).

## Neformalaj renkontiĝoj

### Ateistoj

Ĉu vi interesiĝas pri refunkciigo de ATEO (Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo)? Renkontiĝo okazos vendrede sur blua ŝtuparo 7. Kontaktu KN 1473, 1474 aŭ 1486.

### Kantemaj esperantistoj

Kantu kun ni jaŭdon 14.00 ĉe la enirejo de la kongresejo ekstere. KN 530 / 2445

### Nuklea senarmigo

Renkontiĝoj pri aktivo laboro por realigo de Haga Alvoko 99, t.e. abolicio de nukleaj armiloj ĝis la jaro 2000 kaj prevento de konfliktoj okazos antaŭ salono Wüster: jaŭde 13.30 kaj vendrede 12.30.

**Aŭtoraj duonhoroj hodiaŭ**
11.00: Manuel de Seabra
16.00: Ronald Gates
prezentos siajn verkojn

## Aĉetu viajn fotojn!

Ĝis vendredo la kongresa fotoservo ofertas al vi jenan servon: Vi mendos kaj ricevos viajn fotojn ankoraŭ dumkongrese.

Uzu la unikan fotoservon de Rainer Knapp kaj Rudolf Burmeister, kiuj troveblas ĉe la ekspozicio de la kongresaj fotoj.

## Kongresa Aŭkcio

La kongresa aŭkcio fariĝis unu el la tradiciaj kulminoj de ĉiu UK. Ankaŭ ĉi-jare pluraj dekoj da raraj libroj k. a. esperantaĵoj atendas novan posedanton. La plej malnovaj aŭkciaĵoj estas la broŝuro „Weltsprachliche Zeit- und Streitfragen" de Leopold Einstein (1889), „Kain" de Byron en traduko de A. Kofman (1896) kaj n-roj 1-68 (jan. 1892 - jun. 1895) de la gazeto „La Esperantisto".

La aŭkcio okazos vendrede de 16.30 ĝis 18.00 en salono Wüster sub la gvido de Humphrey Tonkin kaj Osmo Buller.

## Kompakt-Disko por Afriko

Ĵus aperis kompakt-disko kun tri muzikaĵoj kun esperanta teksto kaj du nur-instrumentaj. Teksto kaj muziko estas de Magnus Lund, Svedio. Ĝi kostas 10 DEM; tiu mono estos uzata por la afrika agado. Kelkaj ekzempleroj haveblaj ĉe la afrika stando, krome mendebla interrete ĉe www.Magnus.se.

**Lastlasta informo: La internaciaj 3 ekzamenoj (parola parto) okazos en salono 40 (meza etaĝo inter la vestiblo kaj la unua etaĝo), ne en salono Graetz (13/14)**

## Raportoj pri kunvenoj

Denove venis multaj raportoj, do ni devis mallongigi la plej multajn kaj prokrastigi kelkajn.

**Eŭropa E-Unio** okazigis sian duan fermitan kunsidon. Elektiĝis nova „trojko" kaj decidiĝis EEU-membrokotizoj por la observantoj por la jaro 2000. La „trojko" konsistas el prezidanto Umberto Broccatelli (Italio), kasisto Hans ten Hagen (Nederlando), sekretario Katinjo Fetes-Tosegi (Aŭstrio).

**Litova Stelo:** Legantoj de Litova Stelo ĉe kunveno eldiris kontenton pri enhavo, lingvaĵo kaj aspekto. La redaktoro P. Čeliauskas invitis ne nur aboni ĝin (eblas dum la UK ĉe la giĉeto de Litova Stelo), sed ankaŭ kontribui materialon.

KN 1826 Šuopys

**Nefumantoj:** 33 personoj el 12 landoj ĉeestis la kunvenon de nefumantoj TADEN. TADEN fondiĝis en 1995/96 kun la celo preventi fumĝenon al aliaj. Oni informis ekz. pri protestoj de la nederlandaj aktivaj nefumantoj kontraŭ publika fumado en tv-forumo kaj pri malpermeso de tabakreklamoj en Eŭropa Unio ekde 2006.

**IKUE:** Membroj de IKUE (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista) kaj multaj gefratoj kuniĝis plensalone. Oni informis ekz. pri la medalo de toleremo (fare de Societo Zamenhof) al papo Johano Paŭlo 2a, la nuna „ĉielarka nacio" en Sud-Afriko kaj multaj aliaj aferoj. La kunveno bone preparis la kunlaboron en Gliwice dum la venonta Ekumena Kongreso.

P. A. Heroux (Sud-Afriko)

**Rondo Kato:** 55 katamikoj kunvenis kaj decidis pri estrara kaj kasa raportoj, diskutis pri individua kunlaboro de E-katamikoj, pri agado de unuopaj katamikoj en bestoprotekta laboro. En Germanio fondiĝis antaŭ tri jaroj katrondo de reciproka helpo. Rondo Kato havas amikojn en pli ol 35 landoj de ĉiuj kontinentoj.

Verner Fenig (KN 1543)

**FAME-fondaĵo** elektis novan estraron. Prezidanto - anstataŭ Stefan Maul - nun estas d-ro Werner Bormann (KN 44); estraranoj d-ro Till Dahlenburg kaj Utho Meier.

**„Internacia Preĝhoro":** kunvenis 70 homoj el plej diversaj devenoj religiaj kaj naciaj en preĝejo „Am Lietzensee" por „Interreligia Preĝhoro" organizita de BEL (Bahaa Esperanto-Ligo) kun World Conference on Religion and Peace. En fratece spirita etoso eksonis sanktaj vortoj el Biblio, Korano, Bagaupo Cito, budhisma Sutro, Bahaa Preĝo de la Unueco, kaj speciala Tanka-o de OOMOTO pri Esperanto. Post komuna kanto fina, ĉiuj povis ĝui amikecan interparoladon ĉe malgranda bufedo.

D-ro Coffinet KN 1956

### Verkistoj

Esperantlingva Verkista Asocio EVA havis sian jarkunvenon kun ĉ. 20 partoprenantoj, inter ili pluraj verkistoj, sub gvido de Gerrit Berveling. Estis akceptitaj novaj membroj: Tomasz Chmielik (Pollando), Anna Löwenstein (Britio / Italio), Dao Anh Kha (Vjetnamio) kaj Gunnar Gälmo (Svedio).

La Sveda Akademio konfirmis al EVA ricevon de la dokumentoj pri kandidatiĝo de William Auld por la Nobelpremio pri literaturo por la jaro 1999.

Estis lanĉitaj pluraj projektoj, interalie pri alvoko al legantoj de kelkaj literaturaj gazetoj elekti 25 plej ŝatatajn aŭtorojn / verkojn en Esperanto.

Oni esploros pri ebleco filmi intervjuojn kun verkistoj por starigi arkivon de vidhenda materialo pri Esperantaj aŭtoroj.

KN 381 Štimec

## Forumo de Fakaj Asocioj

Kunvenis ĉ. 50 homoj el diversaj fakaj asocioj por interkonatiĝo kaj interŝanĝo de ideoj.

Interalie estis jenaj kontribuoj:

Roland Rotsaert (KN 781, IKEF - Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo) atentigas pri la problemoj, kiun asocio havas por bone prezenti siajn informojn tra interreto. Kapablaj kaj fidindaj volontuloj maloftas.

André Weber (KN 1222): Sur 'esperantaj' produktoj oni sisteme menciu interretadreson www.esperanto.org.

G. Grattapaglia (KN 741): Faka agado estu prioritata precipe kie estas lingvaj problemoj plej gravaj (eĉ se oni ne konscias pri tio) - ekz. Rotarianoj (E-grupo: RADE). Idearo de rotarianoj tre similas al tiuj de esperantistoj.

Laszlo Szilvasi (KN 2500, revuo Eventoj): (1) Eventoj ofertas servojn al fakaj asocioj (aperigo de informoj). (2) Budapeŝta E-domo havas (kun UEA) projekton 'savu nian kulturon' por redisponigi fakan literaturon, enkomputiligante ne plu haveblajn verkojn. Aŭtoroj sendu siajn verkojn en elektronika formo.

Rapley (KN 108, La Kvinpetalo, La Bouresse): Fakaj asocioj sendu informojn pri si por disdono al kursanoj de Kvinpetalo.

Szilvasi (2500): en kongresa aliĝilo denove estu loko por mencii profesion - tio plifaciligus kontakton kun interesitoj. Ankaŭ retadresoj estu en kongreslibro.

Carmen Hernandez (KN 252, Kuba E. Medicina Agado) invitas al aranĝo en majo 2000.

Jennifer Bishop (KN 1455, ILEI: instruistoj): Ekfunkciis nova diskutlisto por E-instruistoj en interreto.

# Belartaj Konkursoj

Jen la rezultoj de la Belartaj Konkursoj de UEA en 1999:

### Poezio

**1-a premio:** Antonio Valén (Hispanio) pro „Amafer' iama";

**2-a premio:** Stefan MacGill (Hungario) pro „Ereoj";

**3-a premio:** Gonçalo Neves (Portugalio) pro „Amoroj";

**Honoraj mencioj:** Gonçalo Neves (Portugalio) pro „Gagat'" kaj „Aglo".

Partoprenis 52 verkoj de 25 aŭtoroj el 17 landoj.

### Prozo

**1-a premio:** Sten Johansson (Svedio) pro „Nepoj en Torento";

**2-a premio:** Sten Johansson (Svedio) pro „Kastelo de revoj";

**3-a premio:** Lena Karpunina (Germanio) pro „La ridinda letero";

**Honora mencio:** Jorge Camacho (Hispanio) pro „Ludwig".

Partoprenis 20 verkoj de 14 aŭtoroj el 12 landoj.

### Teatraĵo

**1-a premio:** Paul Gubbins (Britio) pro „Nun ni parolu!" kaj „Kien la pruneloj kreskas";

**2-a premio:** ne aljuĝita;

**3-a premio:** Paul Gubbins (Britio) pro „La forlasito"

Partoprenis 5 verkoj de 3 aŭtoroj el 3 landoj.

### Eseo

**Premio „Luigi Minnaja":** Gonçalo Neves (Portugalio) pro „Niaj verboj sen veproj";

**2-a premio:** ne aljuĝita;

**3-a premio:** ne aljuĝita.

### Kanto

**Premio „Ahn Song-san pri Kanto":** Valentina Maria Nan (Rumanio) pro „Ami";

**2-a premio:** Fiorello Fiorentin, teksto, kaj Aldo Fiorentin, muziko, (Italio) pro „Rifuĝintoj"; kaj Anja Karkiainen, teksto, kaj Vesa Pölkki, muziko (Finnlando) pro „Kiam la folioj flavas";

**3-a premio:** Aldo Fiorentin pro pensoj pri la paco".

Partoprenis 10 kantoj de 6 aŭtoroj aŭ aŭtoraj duopoj el 6 landoj.

### Infanlibro

**Premio „Infanlibro de la Jaro 1998":** Kroatia Esperanto-Ligo pro la libro „Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapic" de Ivana Brlic-Mazuranic, trad. el la kroata Maja Tišljar.

### Vidbendo

La konkursaĵoj prijuĝotaj kaj la rezulto anoncota en la Fermo de la UK.

## GEA-jarkunveno

Ni memorigas la membrojn de Germana Esperanto-Asocio partopreni la jarkunvenon ĵaŭde je 19.00 en salono Wüster (Dachgartenfoyer). Estos elektata nova estraro.

## Homaj rajtoj

Fama franca oceanografo, J. Y. Cousteau, antaŭ lia forpaso, lanĉis ideon pri aldono al Homaj Rajtoj: la Rajtoj de la Estontaj Generacioj; ĉar ek de nun ni respondecas pri tio.

Lia teamo kolektas subskribojn por apogi tiun agadon (ĝis nun, pli ol 9 milionoj). Ili estos prezentataj ĉe Unuiĝintaj Nacioj.

En via lando vi povas ankaŭ agadi, subtenigi. Pro tio, ni demandas bonvolemulojn por traduki al Esperanto, de la franca aŭ de la angla, malmultajn informojn. Aliflanke, ni demandas tradukantojn el Esperanto al gepatraj lingvoj.

Informoj: en U.K. : KN 2376 kaj vidu afiŝon. Poste: esperanto95@wanadoo.fr

## Radio Polonia raportas pri la kongreso

Ekde la inaŭguro de la 84-a UK Radio Polonia emisias ĉiutagajn 15-minutajn telefonajn sonraportojn kun la invitataj gastoj pri la plej gravaj okazaĵoj de la Kongreso, ĝiaj debatoj kaj kunvenoj. Samtempe la reprezentanto de la Esperanto-redakcio de RP, red. B. Pietrzak kolektas varian sonmaterialon por aŭdigi la prikongresajn sonraportojn, intervjuojn en la postkongresa periodo.

La unuan fojon la sonraportoj en plena amplekso atingas la esperantistaron en la tuta mondo, danke al real-audio en interreto.

Ĉiuj, kiuj volos travivi la kongreson ankoraŭfoje, povos tion sperti aŭskultante la ĉiutagajn E-elsendojn el Varsovio:

- rete: http://www.wrn.or/stations/poland.html
- persatelite: 08.00 kaj 10.30 Eutelsat II F - 6 - Hort Bird - 13 gradoj de la orienta latitudo; frekvenco 11,474 GHz, polarizado horizontala (H); subportanto 7,38 MHz
- per mallongaj ondoj:
  15.30: 41,18 m; 41,52 m
  (= 7285, 7225 kHz)
  20h00: 41.64 m; 49,22 m
  (= 7205, 6095 kHz)

La elsendohoroj estas indikitaj en somera mezeŭropa tempo.

## Ekumena Diservo

Pli ol 600 homoj partoprenis la „feston de dankemaj homoj" dimanĉe en la historie grava preĝejo „Sankt Marien". Elstaris kontribuo de ĥoro el Munkeno kun meso komponita originale en Esperanto. La Diservon gvidis pastroj el pluraj nacioj. Memorigante pri mallumaj punktoj de la milita kaj postmilita historio, predikis elokvente A. Burkhardt pri la temo elektita de Berlinanoj: malgraŭ elreviĝoj dankemo pri ĉiuj ebloj.
KN 1041

## Novaj aliĝoj

2606 jerm-j Vida Jerman, Kroatio
2607 bogo-h Fralo Bertino Goerner, Brazilo
2608 Pierre-Maire Lheureux, Francio
2609 Ulrike Burkhardt, Germanio
2610 Olena Pošyvana, Ukrainio
2611 Ernst Leuze, Germanio
2612 Messan Agbolo, Togolando
2613 Kurt Vogler, Germanio
2614 Amélia Barbosa Pinheiro, Brazilo
2615 Estácio Rodrigues Sardeiro, Brazilo
2616 José Souza Melo, Brazilo
2617 Shirlene Areda Barreina, Brazilo
2618 Adair Aréda Vasconcelos
2619 Stefania Michalek, Pollando
2620 Horst Hans Renemann, Germanio
2621 Janina Brigita Šlepetiene, Litovio
2622 Jadvyga Skripkauskaite, Litovio
2623 Vincent Pacheu, Francio
2624 seku-f Sergej Kuznecov, Rusio
2625 mtli-w Matti Lahtinen, Finnlando
2626 Susana Conde Llinares, Hispanio
2627 Xosé Cone Llinars, Hispanio
2628 David Trigo Pérez, Hispanio
2629 Jorge De La Osa Rivera, Hispanio
2630 anna-y Anna Lowenstein, Italio
2631 Piera Federici Raffo, Italio
2632 Gerhard Böttcher, Germanio
2633 Maritza Gutiérrez Gonzalez, Kubo
2634 crau- Cornelia Rau, Germanio
2635 seje-l Puramo Chong, Koreio
2636 Leon Kobiela, Pollando
2637 maah-e Ali Reza Mahallatian, Irano
2638 emta-v Mimi Edreva, Bulgario
2639 Dédé A. Carine Atticube-Agbemadon, Togolando
2640 Trees Huffener, Nederlando
2641 mawn-q Maciej Wnuk, Pollando
2642 ende-k Ulrich Ender, Germanio
2643 Malgosia Ankiewicz, Pollando
2644 dcbt-e Dniale Cuthbert, Usono
2645 Wasik Juliusz, Pollando
2646 Emmanuel Olusegum Oladipo, Niĝerio
2647 Alexej Borodin, Rusio
2648 Edeltraud Christof, Germanio
2649 pase-t Patrick Segur, Francio
2650 Aldo Formaggio, Italio
2651 Elisanetta Vilisics Formaggio, Italio
2652 Pedro Fernández Rodriguez, Kubo
2653 inko-c Franko Luin, Svedio
2654 Grazyna Mitchener, Pollando
2655 Alfredo Cuesta Gonzalez, Hispanio
2656 Robert Smeds, Svedio
2657 David Meidavilla Ezquibela
2658 Antonia Bernhard, Svedio
2659 Maciej Pawel Jaskot, Pollando
2660 jcfs-d Julio Cesar Tamayo Salas, Kubo
2661 Heleno Fantom, Britio
2662 Ian Fantom, Britio
2663 Josep Castelltort i Rida, Hispanio
2664 Malgorzata Mackiewicz, Pollando

### Ne forgesu la enketon!

Ĉu vi jam plenigis vian enketilon? Se ne, ĝi ankoraŭ troviĝas en la kongresa sako. Ne lasu ĝin tie!

### Redakcia angulo

La redakcio kolektas viajn kontribuojn en la kesto ĉe la informejo.

Redaktofino por la venonta numero: jaŭde 14h00 (pli frue pro jarkunveno de Germana Esperanto-Asocio).

Ĉi tiun numeron redaktis Thomas Bormann, Stefan Maul, Reinhard Pflüger, Frank Stocker.

2665 Agnès Challant, Francio
2666 Edward Kozyra, Pollando
2667 Marija Prilepskaja, Rusio
2668 Marina Vulfson, Rusio
2669 Jean Prevet, Francio
2670 Maciej Varasinski, Pollando
2671 blga-e Jean Balaga, Kamerunio
2672 Gilles-Theodore Essombre Esson, Kamerunio
2673 aote-d Alexis Otero Castellon, Svislando
2674 Vincent Cardona, Francio
2675 Kévin Cardona, Francio
2676 Chieko Tagami, Japanio
2677 Sommairle Mckay, Pollando
2678 snav-s Manuel Santana Navarro, Hispanio
2679 ma Claude Tresorier, Germanio
2680 Luis Salag Laguarda, Hispanio
2681 Danuta Tudaj, Pollando
2682 Snorre Benum, Norvegio
2683 Dorota Szczygiel, Pollando
2684 wilu-h Vilhelmo Lutermano, Francio
2685 Eduardo Trapani, Urugvajo
2686 hmma-r Hans Michael Maitzen, Aŭstrio
2687 sgbk-h Kokou Sagbadjelou, Togolando
2688 Senta Schuler, Germanio
2689 Silke Schuler, Germanio
2690 Maria Rosaria Lucchi, Italio
2691 uhka-o Katrin Uhlmann, Germanio
2692 Gastao Vitor Casper, Brazilo
2693 Rolf Fantom, Britio
2694 Sandra Grujic, Kroatio
2695 Stjepan Zgela, Kroatio
2696 José Maria Caiguero, Hispanio
2697 mamr-k Mónika Molnár, Hungario
2698 effs-i Esperanto-Fondajo Soler, Hispanio
2699 Bronislaw Kieres, Pollando
2700 Gavan Fantom, Britio
2701 Trond Ogrim, Norvegio
2702 Ulrich H. Fellmann, Germanio
2703 Jekaterina Ignatjeva, Rusio
2704 Iris von Wunsch Teruel, Germanio
2705 Kim J. Henriksen, Danio
2706 Dennis Rock Tampa, Germanio
2707 bhub-h Beatrice Huber, Germanio
2708 Paulette Naulet, Francio
2709 Nelli Lamvol, Estonio




# Pordego al Kongreso

N-ro 5 vendrede, la 6-an de aŭgusto

unu ekzemplero senpaga, ceteraj pagendaj per 0,20 GM

*"Ho vidu, kiel interesa estas la plej freŝa numero de la kongresa kuriero!"*



## Korekto pri la Esperantlingva kafejo

La kafejo "Verda Dorno" en Heerstraße 36 troviĝas apud Raußendorffplatz, inter Länderallee kaj Preußenallee, ĉe la S-haltejo "Heerstraße". Ĝi estos malfermita lastfoje hodiaŭ, vendredon, de la 17a horo ĝis malfrua nokto. Ni bedaŭras la eraran indikon de la S-haltejo en n-ro 3.

## Virinoj

Se vi estas membro de virina grupo ene aŭ ekstere de Esperantujo kaj se vi emas kunlabori mondskale en la kadro de „virina agado", bv. kontaktu KN 165 Choi Yun Huy (Hortensio). Speciale bonvenaj estas leteroj el progresantaj evolulandoj.

## UMEA-kunveno

Okazos kontinuo de la plifruigita malferma kunveno de UMEA (medicinistoj) je la origine planita tempo: vendrede je 12.30 en salono 8 (Hoekstra). Bonvenaj estas ĉiuj, kiuj ŝatus disvastigi E-on pere de sanigaj metodoj kaj inverse, ankaŭ se vi ne povis ĉeesti la unuan kunvenon. Ni aparte ĝojus pri partopreno de interesatoj pri Su-Ĝok-terapio aŭ Jumeiho.

KN 215 Maruŝka

**Aŭtoraj duonhoroj hodiaŭ**

11.00: Roman Dobrzinski pri sia film-verkaro

16.00: Geraldo Mattos pri siaj libroj

## Interret-babilrondo

De tri jaroj okazas ĉiusemajne babilrondo en Esperanto per interreta servo AOL. Estos ŝanĝo de la metodo tiel ke ĉiuj interret-uzantoj povos partopreni. Partoprenantoj kaj interesatoj estas invitataj al neformala renkontiĝo vendrede je 18.00 antaŭ la scenejo de kulturetaĝo Forge.

KN 1690 Dumoulin

## Ekskursetoj de IKEF

En limigita nombro eblas aliĝi al vizito de Humboldt-Universitato (vendrede 10.00) kaj konsultado ĉe la Komerca Ĉambro (vendrede 14.00), kiujn organizas IKEF. Kontaktu kun KN 424 aŭ 1671.

# Raportoj pri kunvenoj

**Fervojistoj:** Kunvenis 76 gekolegoj el 17 landoj. Inĝ. István Gulyás prezidis kaj raportis pri la okazinta 52-a IFEF-kongreso en Le Mans (Francio). Estis prelego pri la venontjara „EXPO 2000" okazonta en Hannover, Germanio, inkluzive pri la rolo de la fervoja trafiko. Fakekskurso kondukis al granda fervojo-konstruejo en la mezo de Berlino. KN 1469

**Kulturaj ĉefurboj:** En la jaro 2000, naŭ urboj estos kulturaj ĉefurboj de Eŭropo: Bologna (IT), Bruxelles (BE), Praha (CZ), Helsinki (FI), Kraków (PL), Avignon (FR), Bergen (NO), Rejkjavik (IS), Santiago de Compostela (ES). Antaŭ pli ol 100 partoprenantoj oni raportis pri la agado rilate tiun temon kaj pri la ĝisnunaj kontaktoj kun la oficialaj organizo-komitatoj. Post la kunveno la esperantistoj el la koncernaj urboj organizis apartan renkontiĝon por pli bone kunordigi la landajn iniciatojn.

KN 2237 Periault, KN 925 Amadei

**Urso-kurso:** Surprizo estus milda adjektivo por priskribi kiel ravita mi fariĝis, kiam mi ĉeestis prezentaĵon de prof. McGill pri kurso por infanoj (6- ĝis 10-jaraĝaj). La instrumaterialoj faritaj kun granda dediĉo konsistas el lernolibroj, instru-gvidiloj, kvizoj, ludiloj, premioj k.a.

KN 2378 Saliba

**UEA-komisiono por Ameriko:** Ĝi informis pri sia agado en kunsido, kiun ĉeestis 122 personoj. Unu el la eroj estas la revivigo de la serio de amerikaj kongresoj: ĉi-jare ĝi okazis en Bogotá. Estis lanĉita la numero 2 de la bulteno „Aktiv-Ameriko", kiu legeblas ankaŭ ĉe http://www.digicron.com/ameriko. Vizitintoj de Sud-ameriko el Germanio kaj Francio raportis pri siaj vizitoj. Bill Maxey informis pri siaj instru-vojaĝoj. Oni emfazis la gravecon de streboj krei kaj fortigi la kontaktojn kun la najbaraj landaj-asocioj. Fine de la kunsido la ĉeestantoj malavare donacis monon por la sendado de vortaroj al Kubo.

KN 133 Orellana Rojas

**Senmone:** Kunvenis SIKA (Senmonaj Interŝanĝoj kaj Alternativoj) por plifirmigi sian asocion registrita. La partoprenantoj elektis novan estraron kaj raportis pri pasinta agado. Oni diskutis pri eventuala tradukteamo por diskonigi informojn pri pluraj temoj urĝaj.

KN 2376 Ballaguy

**Komercistoj:** Multaj membroj kaj gastoj partoprenis la jarkunvenon de IKEF (Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo). Prezidanto Franz Braun prezentis raporton pri 1998. En la 15a jaro de la fakgrupo la membraro kreskis. Finance IKEF estas stabila. Ĝi fruktodone kunlaboras kun parenca grupo TAKE (Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistaj). Tiucele okazis ankaŭ komuna kunveno. Multaj reklam-anoncoj popularigis diversajn kompaniojn en E-movado, kio havigis makler-aĵojn al la kaso. La agadplano por 1998 - 2000 havas tre gravajn taskojn, el kiuj la membroj (kies duono estas interretanoj) povas selekti laŭvole, kaj ĉiuj povas kontribui al realigo. IKEF havas hejmpaĝon, peranta ĝiajn servojn. Oni diskutis la terminaran laboron kaj novaj volontuloj aliĝis al la Terminara Sekcio.

KN 1025 Igethek

**Verduloj:** Renkontiĝon de AVE (Asocio de Verduloj Esperantistaj) partoprenis preskaŭ 100 membroj kaj interesatoj. Ĉe la raporto de la sekretario menciindas, ke videblas la unuaj rezultoj je landa kaj internacia niveloj. En la programo de la franca Verda Partio okaze de la baloto por la Eŭrop-Unia Parlamento (EP) estis publikigita propono studi la potencialon de Esperanto por la uzebleco ene de EP kaj EU. Dume por simila propono en la germana Verda Partio votis nur 25 % de la delegitoj. AVE klopodas estigi diskuton pri la lingva problemo en la Verda Grupo de EP. Similan paŝeton AVE atingis dum la 2a Kongreso de la Federacio de Eŭropaj Verdaj Partioj fine de februaro en Parizo. Kunagadis SAT kaj junaj esperantistoj ĉe informstando.

**Aŭtomobilistoj:** Refondiĝis la faka asocio de aŭtomobilistoj kun reprezentantoj el 11 landoj. La nova nomo de la asocio estas: Aŭtoklubo Esperantista.

KN 182 Oszkár Princz

**Komunistoj:** Internacia Komunista Esperantista Kolektivo (IKEK) en sia kunveno diskutis pri venonta konferenco en Havano (Kubo), lecionoj el la pasinteco kaj proponoj por la estonteco.

KN 1689 Vincent Charlot, esperant@worldnet.fr

**Ekskurso tra Berlino:** Estis interesa kaj agrabla ekskurso. La ĉiĉerono kaj la tradukanto bonege plenumis siajn taskojn.

KN 1899 Ledan

**Ekskurso „kaŝita orienta Berlino":** La ĉiĉerono, s-ino Hella Lanka, lerte kaj klare parolis, eksplikis la interesan Esperanto-historion.

KN 753 Yamashita

# Mesaĝo de Zaleski-Zamenhof

Dum la inaŭguro la nepo de la aŭtoro de Esperanto, d-ro L. C. Zaleski-Zamenhof, salutis la kongresanojn kaj diris jenon:

Sinjoro Prezidanto, gesinjoroj honoraj gastoj, gesinjoroj kongresanoj, karaj geamikoj,

bonvolu akcepti miajn tradiciajn, sincerajn salutojn al vi ĉiuj, kunvenintaj por kongresi en Berlino, urbo kies ĉiu ŝtono ŝajna grave ŝarĝita de historio. Urbo, kie oni iam ordonis, ke Esperanto malaperu, sed urbo, kiu fariĝas por la semajno venonta la ĉefurbo de Esperantujo. Urbo, kie oni iam estris la holokaŭston de Hebreoj, sed kiu dum kelkaj tagoj simbole transdonos la verdan standardon al la amikoj en Tel-Avivo. Kunvenintaj por debati pri signifoplena temo, elektita por via kongreso: pri la tutmondiĝo kaj pri ŝancoj por paco. Temo perfekte adekvata al la loko de la venontaj debatoj kaj al la komunumo debatonta:

- komunumo de pacaj batalantoj, kiuj kolektiĝas esperante detrui murojn de miljaroj, starantajn inter la popoloj:
- urbo, kie falis la muro popolon dividinta, eĥo de tiu evento, sonante tra la mondo kaj inaŭgurinte falon de muro virtuala, dividinta homaron en kampoj malamikaj.

Ĉi tie do, fare de dissalto de la Berlina muro, startis efektivigado de la ideo de tutmondiĝo, ideo konkretiganta la sonĝon pri granda rondo familia de popoloj, kantatan en nia himno „La Espero".

Okazis hazarde, ke antaŭ dek jaroj, ĝuste kiam la unuaj truoj aperadis en la muro de la honto, mi troviĝis en Berlino, ankaŭ por aferoj de Esperanto, invitita de Helmar Frank al AISo-kunveno ĉi tie. Mi tiam travivis vere solenan momenton. En la etoso ĝenerala, ene de la aro de entuziasmuloj, mi frapadis per marteleto, ie trovita, kontraŭ la muro, konvinkita kontribui tiamaniere al la dissalto de obstinaj baroj. Observante la falon de la muro mi havis la impreson esti vida atestanto de la fino de epoko kaj de la naskiĝo de nova, pli feliĉa jarcento alproksimiĝanta, kvankam la vorto tutmondiĝo ne loĝis ankoraŭ en mia cerbo.

Tamen mi baldaŭ komprenis, ke la gravaj problemoj, kiuj ekaperas, aŭ reaperas, en tiu feliĉa estonto, fariĝinta seniluziiga nuntempo, postulas tutmondskalajn solvojn. Ĉu tiaj solvoj, ĉu la tutmondiĝo estas ŝanco por paco? Mia respondo estus „ne!" - ĝi ne estas ŝanco por paco, ĝi prezentas al paco kondiĉon necesan!

Ĉar se hodiaŭ ne plu ekzistas muro inter iama oriento komunista kaj okcidento kapitalista, tamen limo ekzistas inter la nordo riĉa kaj la sudo malsatanta. Do la dissalton de tiu baro ene de mondskale organizota ekonomia ekvilibro estas kondiĉo de paco, ĉar daŭra paco ne estas antaŭvidebla inter satulo kaj malsatulo. Tiel etnaj konfliktoj, kiel religiaj, bezonas solvon pere de mondskala organizo. Kaj la senlaboreco en nia kontinento, samtempa al grava manko de laborenergio por protekti landojn kontraŭ naturaj katastrofoj aliloke; ĉu tio ne bezonas mondskalajn solvojn? Same kiel protektado de la kulturaj diversecoj, protektado de lingvoj, eĉ tiuj parolataj de etaj grupoj, vehikloj de tia diverseco, lingvoj al kies konservado la neŭtrala lingvo internacia devas kontribui. Kaj fine, sed eble plej grave, la protekto de nia medio, kondiĉo necesa al la daŭrigo de ekzisto de nia mondo, certe ja bezonas tutmondskalan disciplinon!

En la nomo de la familio Zamenhof kaj ankaŭ en la nomo de la fondumo Zamenhof kreita dum lasta jardeko en la naskiĝurbo de mia avo, Bjalistoko, mi deziras plenan sukceson al la 84-a Universala Kongreso de Esperanto. Esperanto, vehiklo de la universala toleremo, fundamenta valoro de interhomaj rilatoj, toleremo signifanta respekton de la diverseco, de la alieco, tial do necesa faktoro de sukcesa funkciado de la tutmondiĝo.

### Salutas

Stanislaw Dobrowolski nome de la Bjalistoka Esperanto-Societo kaj Levon Davtjan el Erevan, Armenio.

## Poste en la jaro

### Pri lingvopolitiko

De la 12-a ĝis la 14-a de novembro 1999 la Societo pri Interlingvistiko okazigos en Berlino sian 9-an jarkonferencon, en kies kadro okazos kolokvo pri „Lingvopolitiko en Eŭropo". Pri la programo, prezoj kaj teknikaj kondiĉoj informas Detlev Blanke (KN 87).

### Pri masaĝoj

Yumeiho-kursoj kaj masaĝoj ekde la 24-a de aŭgusto ĝis la 4-a de septembro en montara Francio apud Gap. Informiĝu ĉe KN 577.

### Verduloj

AVE okazigas enkadre de ekoturisma postkongreso en Jetriñovice (CZ) sian duan Seminarion pri Verda Politiko de 7a ĝis 12a de aŭgusto.

## Redakcia angulo

La redakcio kolektas viajn kontribuojn en la kesto ĉe la informejo.

Redaktofino por la venonta (lasta) numero: vendredon 16h00.

Ĉi tiun numeron redaktis Stefan Maul, Reinhard Pflüger, Frank Stocker.

## Piedira marŝo haltigita

Je novjaro 1999 sesopo da ĉinaj esperantistoj komencis piediradon de Lianyungang ĉe Pacifiko al Rotterdam ĉe Atlantiko. Dum 193 tagoj ĝi iris 4131 km ĝis la ĉina-kazaĥa limo, tio estas ĉ. 40 % de la vojo. Pri tiu aktivado raportis ĉirkaŭ cent ĵurnaloj en Ĉinio. Nun stariĝis la problemo, ke la grupo ricevos permeson trapasi la landlimon nur, se ĝi havas vizon por la cellando Nederlando aŭ alia lando de la Eŭropa Unio. La partoprenantoj tial provizore veturis hejmen aŭ al parenco en proksimeco. Ili nun petas, ke iu sendu invitilon, ĉar alie ne eblas ricevi tian vizon. Kontaktu kun:

Zhang Danchen
North Area 14-dong, 34-hao
Huazhong Normal Univ.
CN-430079 Wuhan
PR Ĉinio
zdchen@public.wh.hb.cn

## TEJO volas danki siajn patronojn

TEJO invitas siajn patronojn al akcepto vendrede je a 12 h en salonjo 35 (Manson). Aktivaj junuloj estas ankaŭ bonvenaj kontribui al la dankado. Kiuj estas la patronoj? Ili estas personoj, kiuj subtenas la junularon finance kaj morale kaj ricevas la TEJO-revuojn „Tejo Tutmonde" kaj „Kontakto".

Grandan TEJO-bonvenon!

Sjoerd Bosga (KN 2559) k. Anna Ritamäki

## Salutas Berlino

**El la parolado de berlina ŝtatsekretario ĉe la oficiala akcepto en la urbodomo**
(tradukita el la manuskripto)

„Kiel membro de la honora komitato de via kongreso la ĉefurbestro de Berlino, s-ro Eberhard Diepgen, petis min transdoni al vi liajn treege korajn salutojn. Li tre bedaŭras ne povi veni hodiaŭ. *Mi* persone bedaŭras ne povi saluti vin en la lingvo vin ĉiujn liganta, Esperanto."

„Rimarkinda ĉe via kongresa temo ŝajnas al mi, ke vi malimplice metas en la malfonon de viaj pripensoj la eblajn sekvojn *pozitivajn* de tutmondiĝo, dum ĝuste ĉi tie en Germanio la nocio „tutmondiĝo" ofte havas negativan nuancon. Mi konsentas kun vi, ke la tutmonda interplekto de la ekonomio kaj la plidensigo de la tutmonda komunikado estas grandioza ŝanco por pli bona interkompreniĝo inter la popoloj. ... La tempo tiurilate laboras favore al la baza ideo de Esperanto."

Li donis superrigardon pri sia fako „scienco en Berlino" kaj tie vidas tri ĉefajn rilatojn al nia kongreso: „Unue ni kreis la juran kadron ... por enkonduki ankaŭ internaciajn akademiajn gradojn ... Due ni kreas internacian komparebleco kaj agnoskeblecon de studorezultoj. Tio ege favorigas la movemon de studentoj. ... Berlino deziras grandan procentaĵon de eksterlandaj studentoj. Tio trie necesigas plifortigitajn klopodojn, enkonduki fremdlingvan instruadon, igi pli allogaj la vivkondiĉojn por eksterlandaj studentoj en nia urbo kaj inverse levi la socian kompetentecon de germanaj studentoj por aliaj kulturoj."

## Libroj: furioza sukceso

Jam la duan tagon de la kongresa semajno elĉerpiĝis en la libroservo la novaj verkoj „La ŝtona urbo" de Anna Löwenstein kaj „Esperanto sen mitoj" de Marcus Sikosek.

Pro multaj petoj decidiĝis, ke kongresanoj povas mendi la librojn en la budo de FEL (teretaĝo). Ili ricevos ilin **sen sendokostoj.**

### Ĉeokaze menciinde:

1726 titoloj, el kiuj 650 forte rabatitaj, atendas vin en la libroservo de UEA en salono Kalocsay.

SERĈU TAŬGAJN POR VI!

## La Tago de la Lernejo

Marde ĉeestis pli ol cent interesitoj por aŭskulti la prezidanton de ILEI, Maŭro LaTorre, kiu enkondukis en la temon „Ĉu tutmondiĝo ankaŭ de edukado aŭ ĉu riĉiĝi per diverseco. Sekve Günther Lobin priskribis la eduksistemon en Germanio. Estis prezentataj instruiloj de ILEI antaŭ ol dediĉi pli ol unu horon al vigla diskutado pri kulturdiverseco en lernolibroj kaj en la komenciĝanta ILEI-projekto Interkultura Edukado ĉe „kvazaŭ lernejo" en interreto.

KN 1455 Bishop

## Nova estraro de GEA

Germana Esperanto-Asocio dum sia jarkunveno elektis novan estraron. Prezidanto nun estas d-ro Rainer Kurz. La ĝisnuna prezidanto Frank Stocker restis en la estraro. Cetere reelektiĝis Dieter Dungert, Marko Naoki Lins kaj Reinhard Pflüger.

## Novaj aliĝoj

2710 Tadeusz Domzalski, Pollando
2711 Norbert Pulver, Germanio
2712 Eddy Raats, Belgio




# Pordego al Kongreso

N-ro 6 sabate, la 7-an de aŭgusto

unu ekzemplero senpaga, ceteraj pagendaj per 0,20 GM

## Internaciaj Ekzamenoj

Al la Internaciaj Ekzamenoj de ILEI / UEA aliĝis 7 kongresanoj por la elementa kaj 7 por la meza nivelo. Sukcesis 4 por la elementa kaj 6 por la meza ekzameno. La sukcesintoj venis el Finnlando, Francio, Germanio, Litovio, Pollando, Svedio kaj Togolando.

## Por lernejaj instruistoj

Ekde venonta septembro funkcios en Interreto la „Kvazaŭlernejo Tibor Sekelj", en kiu klasoj el la tuta mondo (jam 60) renkontiĝos kaj kunlaboros per Esperanto. Tio okazos kadre de projekto de ILEI, nomata „Interkulturo", ĉar ĝi celas interkulturan edukadon en la lernejoj.

Instruistoj, kiuj havas intereson aliĝi, povas anonci sin ĉe ILEI (m.latorre@uniroma3.it).

Oni planas, ke dum venontjara UK en Tel Avivo la tiea ILEI-gimnazio rolu kiel „malkvazaŭa" klaso de la interreta kvazaŭlernejo. (Maŭro La Torre, KN 1807)

## Adresŝanĝoj

KN 2118 G. Loan: 406 T Street, Sacramento, Kalifornio 95814, Usono

KN 1758 Antonio Gonzalez: loĝadreso: Residencia „San Borja", Universidad Rafael Landivar, Vista Hermosa III, Z 16, Guatemala City, Gvatemalo; poŝtadreso: F-120, P.O.Box 591828, Miami FL 33159-1828, Usono

## Korekto

De M. Jones (KN 808) ni ricevis ĝustigajn informojn pri la raporto pri Urso-Kurso:

La prelegeton prezentis (nome de „Esperanto Teachers' Association", la brita sekcio de ILEI) ne „prof. McGill" (kiu cetere ne estas profesoro kaj literumiĝas MacGill); sed Malcom Jones, kiu kun Anĝela Tellier prilaboris la kvarpartan kurson kaj kromajn materialojn.

## Belartaj Konkursoj

### Rezultoj en branĉo „vidbendo"

1-a premio: „Esperanto in Mecklenburg und Vorpommern 1905-1944" (1-a parto) de Ralf Kuse, Germanio

2-a premio: „Esperanto - komunikado kaj kulturo" de Brazila E-Ligo, reĝisorita de Ciro Gomes de Freitas

3-a premio: „Malproksima eĥo de la silka vojo" (pri Taĝikio) de Firdaus Ŝukurov, Taĝikio

2 vidbendoj ne videblis pro teknikaj kialoj. Sume partoprenis 5 vidbendoj.

F. L. Veuthey

## Alp-Adria Konferenco

okazos je 1999-10-07 ĝis -10 en Pula, Kroatio, kun la temo „Kulturaj rajtoj de etnaj malplimultoj". En la konferenca urbo troviĝas multaj historiaj vidindaĵoj. Informoj: Kroata E-ista Unuiĝo, hes@esperanto.nu.

## Eŭropa Agado

La publikan kunvenon de Eŭropa Esperanto-Unio ĉeestis ĉ. 60 personoj, kiuj vigle debatis. La ĵus elektita nova trihoma estraro („Trojko") prezentis sin: U. Broccatelli (Italio), prezidanto, K. Fettes-Tösegi (Aŭstrio), sekretariino, kaj H. van Ten Hagen (Nederlando), kasisto.

EEU estas kunordiga organizo de la Landaj Esperanto-Asocioj de la landoj de Eŭropa Unio, cele al agado ĉe la EU-instancoj. Aliĝis al EEU ĉiuj el la 15 landaj asocioj krom la brita kaj la dana. Hans Erasmus raportis pri la laboro de la t.n. Brusela Laborgrupo („Laborgrupo pri la Lingvoproblemo en Eŭropo"), kiu agas sendepende sed kunlabore kun EEU.

Oni substrekis la neceson de aktiva apogo, kaj labora kaj financa, fare de la Landaj Asocioj, kaj ankaŭ la eblon ke LA-oj eŭropaj ekster EU aliĝu kiel „observantoj".

Estis anoncita konstanta informado pri EEU pere de la bultenoj de la landaj asocioj, per interreto kaj per informfolioj rekte sendotaj al „subtenantoj".

Broccatelli asertis, ke la sola vera ŝanco por Esperanto estas evoluo de EU al vera Federacio (multnacia demokrata ŝtato). Ties internan problemon de lingva komunikado povos solvi Esperanto, se la esperantistoj kapablos aŭdigi sian voĉon.

# Raportoj pri kunvenoj

**Terminologio:** Ĉeestis la kunvenon pli ol 80 interesatoj pri terminologio. Oni aŭskultis prelegojn de Wera Blanke pri TEC (Terminologia Esperanto-Centro), de Lluis de Yzaguirza i Maura pri neŭtralaj lingviloj por la plejmultoj kaj de Christa Kiselman pri reviziado de PIV. Sekvis informoj pri konkretaj terminologiaj atingoj ĉe forstistoj kaj fervojistoj. Dum vigla diskuto klare sonis la deziro revigligi TEC-on, tamen kun ŝanĝita labormaniero. Interesatoj, kiuj ne povis ĉeesti, bv. turni sin al Petr Chrdle, KN 81, chrdle@kava-pech.cz.

**Strategia forumo:** Kunvenis pli ol 50 reprezentantoj de diversspecaj organizaĵoj, kies komuna trajto estas uzado de Esperanto kiel komuniklingvo. Komence oni aŭskultis prelegojn de prof. Helmar Frank (AIS) el vidpunktoj scienca kaj kultura, de Franz Joseph Braun (IKEF) el vidpunktoj ekonomia kaj industria kaj de Kep Enderby (ĉi tie nome de EJA) el jura vidpunkto. Por sekvanta vigla diskuto, dum kiu la diskutantoj ne prezentis siajn organizaĵojn, sed vere strebis direktiĝi al komuna strategia plano, evidente la tempo ne sufiĉis. Tial por la venonta strategia forumo oni volas disponigi minimume 4 horojn.

**Matematikistoj:** Kunvenis 20 homoj. Interalie oni eksciis, ke prof. Kiselman preparis terminaron por la estonta eldono de PIV. Ĝi estas je la dispono de la publiko por komentoj. KN 2128

**Naturkuracado:** 140 gekolegoj kaj interesatoj partoprenis la fakkonsidon de INA. Harald Schicke raportis pri ĝia laboro dum la pasinta jaro: INA aperigis interreto-paĝojn en Esperanto (www.esp-ina.com) kaj la germana (www.mz-verlag.de); ĝi trovis subtenon de germana firmao. S-ro Schicke faris prelegvojaĝon en Koreio, kiu trovis vastan eĥon. La ĉefa prelego de la kunveno estis pri aŭtismo. KN 1121

**Studgrupo „Perspektivo"**: La naŭ-membra grupo prezentis sin al publiko. Ĝi intencas analizi la fenomenon Esperanto kaj esprimi opiniojn, konsilojn kaj rekomendojn. KN 787

**Sociallaborantoj:** La fakorganizo ASLE havis dum UK du kunvenojn. La jarkunvenon dimanĉe partoprenis 21 homoj. Oni reelektis la estraron. Marde 18 personoj ĉeestis neformalan kunvenon. Elfriede Blasius ellaboras fakan terminaron pri socialaj esprimoj kaj ĝis nun kolektis ĉ. 400 terminojn. La venonta jarkunveno okazos dum Eŭrop-Unia Esperanto-Kongreso en Oostende.

**SAT:** 40 personoj (SAT-membroj kaj interesatoj) partoprenis la kunvenon. Post mallonga prezentado de la laborista organizo SAT ekestis multaj demandoj, ekz. pri la celoj de la asocio kaj la venonta eldono de PIV. Pluraj personoj anoncis sian decidon aliĝi al SAT. KN 2218

**Samseksamuloj:** 35 membroj ĉeestis la fakkunvenon de la Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj (LSG). Demisiis prezidanto d-ro John Wells. Nova prezidanto estas Arnold Victor. Cetere oni elektis Leon Roijen sekretario kaj reelektis Ulrich Wilke kasisto. La plej tikla demando estis finakcepti la nomŝanĝon aprobitan en la antaŭa fakkundsido (Gej-Lesba Esperanto-Asocio, GLEA). Oni decidis ne akcepti ĝin, kaj la organizo daŭre restas LSG. Ĉeestis ankaŭ la fondinta membro Peter Danning, kiun oni elektis honora prezidanto. KN 1171 Victor

**Mondcivitanoj:** Ilian kunvenon partoprenis ĉ. 60-70 personoj, kies triono estis interesitoj. S-ino Charpentier klarigis, kiel kaj kial naskiĝis la organizo en 1949. La ĉefa celo tiam estis "la paco por la mondo". Oni raportis pri financa problemo por la Monda Bulteno. Estas lanĉita teksto pri starigo de pacministerioj en ĉiuj ŝtatoj ekde la jaro 2000 kaj por senmilita estonto. Kelkaj broŝuroj kaj glumarkoj estas haveblaj ĉe la raportinto, s-ino Charpentier (KN 1247).

## Muzika E-Ligo

Muzika Esperanto-Ligo (MEL) informas pri nova kontaktadreso: vidu KN 671; rete jesuo@distrito.com. Tie vi povas ricevi informojn pri ĝia multfaceta agado. KN 2661

## AIS-IKU

La du ok-lecionaj kursoj kadre de AIS-IKU (Internacia Kongresa Universitato) montriĝis granda sukceso. Ĝis la lastaj lecionoj la salono estis plena; je la komenco bedaŭrinde eĉ estis necese rifuzi la aliron al kelkaj malfrue alvenantaj interesatoj. La studentoj estis el ĉiuj plenkreskulaj aĝaj; evidente multaj ĝuis la spiradon de iom da „universitata aero".

En la kurso pri komputila sekureco okazis fina ekzameno, kaj pluraj kursanoj petis ateston pri partopreno. Danke al la helpo de prof. Wickström eblis prepari la ateston per komputilo de Humboldt-Universitato, tiel ke la anoncintoj povis tuj kunporti siajn atestojn.

AIS San-Marino dankas al UEA pro la organizo de AIS-IKU kaj al la profesoroj Selten kaj Krause (rektoro kaj vicrektoro de IKU) pro la enkonduka prezentado.

Reinhard Fößmeier

*Adiaŭas kaj dankas la redaktoroj. Ĉi-foje estis Stefan Maul kaj Reinhard Pflüger.*